2.ª Ep. AÑO XIII N.º 75 (212) NOVIEMBRE - DICIEMBRE 1975

# Boletin

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO




## ĜOJAN KRISTNASKON!
## FELIĈAN NOVAN JARON!

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA-1

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
Teléf. 246-80-79
MADRID-15

Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Sekretario:
S-ro José M.ª González Aboín
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15

Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15

Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15

Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 200 ptojn.



## Deziras korespondi

SOVET-UNIO. — 200001 Tallinn, Tirtu mnt. 45-6, S-ino Benita Kärt deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

POLLANDO. — 04-025 Warszawa, ul. Miedzyborska 67 m 2, F-ino Krystyna Stanczuk, 22 jaraĝa, deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

POLLANDO. — 86-320 Lasin, ul. Dwovcowa 16, F-ino Izabella Meyer, 16 jaraĝa, deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

POLLANDO. — 27-600 Sandomierz, ul. T. Kosciuszki 1 m 9, F-ino Ewa Sowinska, 18 jaraĝa, deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

POLLANDO. — 04-367 Warszawa, ul. Apteczna 4/6 m 37, F-ino Elsbieta Bartos deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

POLLANDO. — 63-400 Ostrów WLKP., ul. Kordeckiego 19, S-ro Pawet Sztok, 21 jaraĝa, deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

POLLANDO. — woj. Katowicw, 32-520 Jaworzno 2, ul. Kosciuszki 7, S-ro Majewski Ewil deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

COLOMBIA. — Medellin-1, Aerpoŝta Kesto 6950, S-ro Luis F. Martínez Solís deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

HUNGARUJO. — M-2092 Budakesio, str. Vórósh 153, S-ro Julio O. Rajnai deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

BRAZILO. — 96500 Cachoeira do Sul - RS, Av. Brasil 791, S-ro Delcio Barros da Silva deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

ITALUJO. — 92019 Sciacca (Prov. Agrigento) Sicilia, Scuola Media Statale "Mariano Rossi" deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

SVEDUJO. — 40101 Göteborg I, poste restante, S-ro Jan Vedevik deziras korespondi kun hispanaj esperantistinoj.

BRAZILO. — 27.600 Valenca R. J., Getúlio Vargas 102, Virginia Soares deziras korespondi kun hispana esperantist(in)oj.

POLLANDO. — PL-08 400 Garvolino, Liceo Ogolne, S-ro Stanislao Rawiak, instruisto, 28 jaraĝa deziras gekorespondantojn por siaj 15-16 jaraj gelernantoj el Esperanto-klasoj.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — 74258 Pribor okr. Novy Jiĉín, Jiĉínská 13, F-ino Libuŝe Klaudová, instruistino, 29 jaraĝa, deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.



ŜTATESTRO FRANCISCO FRANCO MORTIS!

Lia regado signis epokon en la hispana historio. La momento kaj la karaktero de nia revuo ne estas plej oportunaj por prezenti ampleksan studon pri liaj vivo kaj faktoj. Krome, ni ne nin sentas kapablaj por tion fari. Sed kiel hispanaj esperantistoj, ni deziras, de la paĝoj de Boletín, elmontri nian senton de respekto kaj danko kiel postmortan omaĝon al li.

Pace ripozu!

# ADIAŬO EL LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO DE BOLETIN

Dektri jaroj pasis de kiam mi enkadrigis mian laboron favore al Esperanto interne de la Hispana Esperanto-Federacio, unue kiel Sekretariino de H.E.F. kaj kunlaborantino en la redaktado kaj distribuado de BOLETIN, de la fino 1966, kiel ĉefredaktorino de nia organo. Dum tiu tempo, mi ĉiam klopodis plenumi mian devon, kun la deziro ke mia laboro estu efika por la antaŭeniro de nia Federacio kaj de la Esperanto-Movado, plialtigante la nivelon de nia BOLETIN, por ke ĝi estu konsiderata vera Esperanto-revuo laŭ ĝia lingva nivelo, kaj elmontro de niaj literaturaj, turismaj kaj etnaj valoroj, kiel decas al organo de Landa Federacio.

Nun, kiam post tiom da jaroj de konstanta strebado mi forlasas mian postenon en la redaktado de BOLETIN, mi deziras danki al vi, vian kunlaboron. Mi ne diras adiaŭ, ĉar mi ne foriras el la Esperanto-movado; male, mi restas preta plulaboradi sur la vojo de humaneca internaciismo, kiun Dro. Zamenhof montris al ni per sia neŭtrala uzado de la lingvo.

*Inés Gastón*

---

# ĜIS LA

Estimata leganto:

Tial, ke ĉio havas sian komencon kaj sian finon, same atingis sian finon mia kunlaborado en la redakto de BOLETIN.

La novaĵo certe donos ĝojon al multaj, kaj, vere, ankaŭ mi ĝojos ĉe ilia kontento. Aliflanke, multaj bedaŭros mian decidon, sed finfine ili same ĝojos, ĉar per la tuj aperonta revuo HORIZONTO mi daŭrigos mian kontakton kun ili.

Mi profunde dankas la stimulajn, amikajn vortojn, kiujn mi ricevis dum la plenumo de ĉi tiu senglora kaj dorna laboro, kaj same dankas la protestajn, eĉ kolerajn vortojn, de aliaj, ĉar tio montras, ke la Movado ne ankiloziĝis en Hispanio ĝis plena muteco kaj indiferento, nek dronas ankoraŭ en la plej absoluta apatio.

Eble aliaj plumoj pli spertaj ol la mia scios kapti la atenton de la legantoj de BOLETIN kaj reveki en ili freŝan entuziasmon. Tion mi fervore deziras.

*F. de Diego*

---

Con arreglo al artículo 24 de la vigente Ley de Prensa e Imprenta, ponemos en conocimiento de nuestros lectores que los señores que constituyen los órganos rectores de la revista, Boletín de la Federación Española de Esperanto, son los siguientes:

Director: *D. Domingo Martínez Benavente*
Redacción: *D.ª Inés Gastón Burillo*

La revista está financiada por la Federación Española de Esperanto, cuyas cuentas fueron presentadas por el Tesorero de la misma, D. Gerardo Flores Martín, y publicadas en el número de la revista correspondiente a los meses de mayo-junio del corriente año.

---

# ESPERANTISTA SKIFERIO EN ADELBODEN

Svislando (26 dec. 1975 - 5 jan. 1976)

Por la 19-a fojo okazos en Adelboden esperantista skiferio. En la programo: skiado, sketado, skikursoj por komencantoj, mez-skiantoj kaj spertuloj komunaj ekskursoj, vesperoj kun prelegoj, diskutoj, festoj, ludoj, ktp. Partoprenkotizo: gelernantoj, studentoj, metilernantoj, infanoj: Fr. 240,— svisaj. Plenkreskuloj: Fr. 290,— svisaj. Tiu kotizo inkludas: loĝadon, manĝojn, trinkaĵojn, ski-kursojn, aŭtobusan kaj telferan veturojn dum la kvar komunaj ekskursoj. Petu detalan informilon al Kultura Centro Esperantista, Poŝtfako 621, CH-2301 La Chaux-de-Fonds (Svislando).

# HISTORIA EVOLUO DE LA KATALUNA POEZIO

*Prelego de S-ro Gabriel Mora i Arana okaze de la XXXVa Hispana Kongreso de Esperanto en Lérida.*

Pluraj kaj priatentindaj motivoj alligitaj al valoroj de historio, kulturo kaj tradicio, instigis min elekti la temon de ĉi tiu prelego kiun mi povus titoli HISTORIA EVOLUO DE LA KATALUNA POEZIO EK DE LA TROBADOROJ ĜIS LA NUNTEMPO. Kaj, ŝajnas al mi interese iom reliefigi ilin.

Oni celebris en la pasinta jaro 1974-a la kvinan centjaran datrevenon de la unua katalunlingva presita libro, laŭ niveloj amase popularaj aŭ elstare akademiaj. Tio okazis en la tuto de la tiel historie nomataj "katalunaj landoj", t. e., tie, kie la kataluna lingvo estas parolata laŭ siaj plej diversaj kaj riĉaj nuancoj, nome, en Valencio, la Baleara Insularo, Rusiljono, Andoro, la urbo Algero (en la itala insulo Sardujo) kaj en Katalunujo.

Ankaŭ nunjare, oni daŭre rememoras tiun gravan eventon kiu ĝuste okazis en la urbo Valencio, kie en ĝia Universitata Biblioteko konserviĝas la unusola restanta ekzemplero de tiu sesdekpaĝa epokfara libro aŭ broŝuro, konsistanta el kolekto da poemoj konkure partoprenintaj iun Poezian Konkurson honore al Virgulino Maria. Jen ĝia titolo: TROBES EN LLAORS DE LA VERGE MARIA, t. e. "Versaĵoj je laŭdo de Virgulino Maria". Do, la unua presita katalunlingva libro estis el poeziaĵoj. Ŝajnas al mi valida, ankoraŭ, la okazo prezenti per miaj simplaj vortoj, humilan esperantistan omaĝon al tiu jubilea glora datreveno de la kulturo hispana.

Alia ne malpli grava motivo estas, nome, omaĝe memorigi en la kadro de tiu XXXV-a Hispana Kongreso de Esperanto, tri elstarajn katalunajn poetojn, inter multaj aliaj, kiuj naskiĝis en tiu ĉi grava provinca ĉefurbo Ilerdo. Vere, la moderna kataluna poezio riĉiĝis per la gravaj verkoj de Magí MORERA I GALICIA, MARIUS TORRES kaj Jaume AGELET I GARRIGA.

Magí MORERA I GALICIA naskiĝis en la jaro 1853a, kaj forpasis en la 1927-a. Li estis vera pioniro; ĉar li prove intencis enkonduki en Katalunujon novajn eŭropajn stilojn, kaj, inter ili, precipe, la "parnason". Li estis, vere, talenta kaj delikata poeto, tre karakteriza per sia pasia maniero de enradikiĝo kaj amo al sia regiona lando.

Jaume AGELET I GARRIGA, naskiĝis en la jaro 1888-a. Li alportis, jam per siaj fruaj verkoj, mirindan freŝecon de iu simbolismo. Li priskribis la pejzaĝon, la urban kaj ruran medion, per rara kromateco. Liaj poemoj, ordinare mallongaj, tre koncizaj, estas kiel varikoloraj akvareloj.

Màrius TORRES mortis june, je tridek-du jaroj, en 1942-a, en la Sanatorio Puig d'Olena. Li, certe, estas unu el la plej famaj katalunaj poetoj de la moderna epoko dum- kaj postmilita. Liaj versaĵoj estas diafanaj speguloj de lia delikata spirito riĉega je plej puraj kaj noblaj sentimentoj. Liaj vortoj eĥas kiel etera muziko, kaj lia religieco havas nenion komunan kun mucida aŭ senaga mistikismo.

Jen alia instiga motivo praviganta al mi la temon de tiu ĉi paroladeto: La nuna jaro 1975a estas jubilea, precipe, en la katalunaj rondoj de la esperantista movado, ĉar antaŭ kvindek jaroj publikiĝis la unua eldono de la fama kaj jam klasikiĝinta KATALUNA ANTOLOGIO. Jaume GRAU CASAS, lia frato Josep kaj pluraj talentaj kunlaborantoj, ebligis la realiĝon de tiu vera trezoro epokfara, kiu havis la virton vaste diskonigi tra la tuta mondo, modelan resumon de la ĉiuepoka kataluna literaturo, kaj bele tajlitajn specimenojn de la ĉefaj aŭtoroj.

Nia karmemora Profesoro Delfí DALMAU iam skribis: "Poezia senco estas fonto de lingvo por vivado; fonto de vivo por lingvo". "La fakto, ke dum la lastaj cent jaroj —daŭrigas S-ano Dalmau— aperis multaj provoj de internacia lingvo, kaj nur Esperanto atingis grandan movadon, kredigas ke nur Esperanto estas bone, la sola internacia lingvo kiu naskiĝis poezie, kaj poezie renaskiĝis."

Nunjare la hispanaj geesperantistoj renkontiĝas en ĉi tiu mirinda urbo. Ĝi, kaj ĝia regiono, dum la mezepoko, estis luliloj de la kataluna kulturo. Kaj oni devas atentigi ke ĝuste en vilaĝo de tiu provinco, Organyà, oni malkovris la plej antikvan skribitan atestaĵon de la kataluna lingvo. Tiu dokumento estas

konata per la nomo "La homilioj de Organyà". Ĝi konsistas el fragmentoj aŭ simplaj skizoj de homilioj, kiuj jam en tiu frua XII-a jarcento estis dirataj dum la ordinaraj mesoj, ne latine, sed jam per la vulgara lingvo.

Estis tiam la epoko kiam en la pirenea montaro konstruiĝadis la pure belaj romanikaj preĝejoj, kaj kiam anonimaj pentristoj ornamadis per mirindaj freskoj iliajn internajn murojn. Estis tiam, la epoko de la "Marca Hispànica" — de la pra-Katalunujo.

Estas granda plezuro konsideri ke de tiuj XI-a kaj XII-a jarcentoj, ĝis la apero en la XX-a de la granda filologo Pompeu FABRA, multegaj generacioj restis seninterrompe fidelaj, tute nature, al lingvo kiu indas esti konsiderata kiel vera trezoro de la plej varia hispana kultur-mozaiko. En tiu aŭrora epoko ne pli ol ducent mil loĝantoj parolis tiun naskiĝantan latinidan lingvon. Sed, nun oni kalkulas ke ne malpli ol ses milionoj estas la nombro de tiuj personoj, kiuj uzas ĝin. Do, pli da homoj ol tiuj, kiu parolas, ekzemple, la danan, la finnan aŭ la norvegan, parolas la katalunan.

En Katalunujo ne okazis tio, kio estis ofte komuna al aliaj multaj landoj: ke la popolaj poetoj estu la akcelantoj kaj riĉigantoj de lingvo troviĝanta ankoraŭ en stadio primitiva. La unuaj poetoj katalunaj estis el tiuj nomataj "trobadoroj", sed ili ne verkis kataluna, sed okcitane. La sudfranca influo, do, estis absoluta sur la kampo beletra.

Oni povas enlistigi pli ol kvardek gravajn katalunajn trobadorojn kiuj ekskluzive uzis la okcitanan. Inter ili ni menciu Guillem de Berguedà, Berenguer de Palol, Guerau de Cabrera, Guillem de Cabestany, Ramón Vidal de Besalú, kaj Cerverí de Girona (aŭ Guillem de Cervera). Tio okazis dum la XII-a kaj XIII-a jarcentoj. Je la fino de la XIII-a, mortis la lasta granda trobadoro, la jam citita Cerverí de Girona. De tiam komencis en Katalunujo eklipsiĝi la okcitana influo, dum la kataluna lingvo — vorton post vorto — fariĝis la unusola esprimilo de la poetoj.

En la jaro 1323-a kreiĝis la Konsistorio de la Floraj Ludoj de Tuluzo. La tiamaj poetoj katalunaj partoprenis ilin, jam, en sia propra lingvo, ĉar ili konsciencîĝis, iom post iom, ke la okcitana estas jam por ili fremda lingvo.

Ĉirkaŭ la jaro 1235-a, naskiĝis en la insula urbo Palma de Mallorca Ramón LLUL (Rajmundo Lulio), la tiel nomita "Iluminita Doktoro", kiu fariĝis universala kaj kolosa talentulo sur la kampoj de la filozofio, la beletro kaj la mistikismo. Jen, vera patriarko. Li verkis latine, katalune kaj ankaŭ arabe. Pli ol ducent libroj liaj saviĝis el la forpaso kaj forgeso de la jarcentoj. Kvankam li estis influita de la skolastiko, li diskonigis propran pensmanieron. Li estis la unua en Eŭropo kiu, verkante pri filozofio kaj teologio, originale uzis vulgaran lingvon. Sed la lingvo kiun uzis Llull troviĝis ankoraŭ sub forta influo de tiu de la trobadoroj.

Dum la jaroj de sia juneco, Ramón Llull estis diboĉa homo ĝis sia konvertiĝo. Konsekvence de tiu cirkonstanco li forlasis sian edzinon kaj idaron por fariĝi pli senlaca apostolo de mistika kaj aktiva asketa vivado. Je servo de tio, li verkadis laŭ nekredebla abundo. Elstaras la poezia prozo de lia LIBRO DE AMIKO KAJ AMATO. Li mem sin nomis "freneza", ĉar li sin konsideris "freneza pro amo". En tiu belega verko, la "Amiko" estas la homo, kaj la "Amato" estas Dio. Jen specimeno:

"Oni demandis la Amikon al kiu li apartenas. Li respondis: —Al la Amo. —El kio vi estas? —El amo. —Kiu generis vin? —La amo. —Per kio vi vivas? —Per amo. —Kiel vi nomiĝas? —Amo. —De kie vi venas? —De la amo. —Kien vi iras? —Al amo. —Kie vi estas? —En la amo. —Ĉu vi havas ion krom amo? Li respondis: —Jes, kulpojn kaj malbonon kontraŭ mia Amato. —Ĉu estas pardonemo en via Amato? Respondis la Amiko, ke en sia Amato nur estas mizerikordo kaj justeco."

Sendube, Ramón Llull estis la aŭtoro pli genia kaj fekunda dum la tuta eŭropa XIII-a jarcento.

Ni jam diris ke en la jaro 1323-a estis kreitaj la Floraj Ludoj, ĝuste en tiu kultura fokuso de Okcitanujo, nome Tuluzo, naŭdek jarojn post la naskiĝo de Ramón Llull. Sepdek-du jarojn poste, en 1395-a, la reĝo Johano la I, el Aragono, kaj grafo de Barcelono, nomata "la amanto de l' ĝentileco", starigis ankaŭ en Barcelono la Florajn Ludojn, laŭ la tuluza maniero. Kvarcent sesdekkvar jarojn poste, tio estas, en 1859-a, oni restarigis ilin en Barcelono. Ili estis la plej efika rimedo kiu definitive puŝis la katalunan renaskiĝon de la dek-naŭa jarcento.

En la XIV-a jarcento la prozo atingis altan nivelon, ĉar la lingvo jam estis riĉe memstara. Kiel poeto, Jaume ROIG naskiĝanta en la la urbo Valencio, verkis eksterordinaran poemon

konsistantan el dek-kvin mil versoj kvarsilabaj, de perfektaj rimoj. Tiu longega poemo titolita "Espill o Llibre de les dones" (Speguio aŭ libro de la virinoj), estas akra mizogina satiro, t. e., furora kontraŭvirina pamfleto. Iom pli antaŭe, la eksterordinara prozisto Bernat METGE, naskiĝinta en Barcelono, kaj la renegata monaĥo Anselm Turmeda, naskiĝinta en Majorko, verkis nemortemajn poeziaĵojn. La lingvo funkciadis, ja, poezie, perfekte.

Kronologie ni troviĝas, pli-malpli, jam en la epoko de la itala Renesanco, kaj dum tiu periodo elstaris en la katalunaj landoj tri grandaj poetoj, nome: Andreu FEBRER, Jordi de SANT JORDI kaj Ausiàs MARCH. Tiu lasta, estas, inter multaj aliaj, la plej grava. Estas notinde ke Andreu Febrer, naskiĝinta en Vic, tradukis fidelege la tutan "Dian Komedion" de Dante. La influo de Petrarko estas tute evidenta en Jordi de Sant Jordi, naskiĝinta en Valencio. Lia verkaro ankoraŭ ravas nin, kaj ni povas ĝin legi kun miro kaj admiro.

Ausiàs MARCH, la plej granda poeto de tiu kulmina ora epoko, naskiĝis en Gandia la jaron 1397-a. Evidente, li ankaŭ avide trinkis nektaron de la granda humanisto kaj itala poeto Petrarko. Li prikantis la amon pasian kaj la amon spiritan, per metaforoj kaj alegorioj tre profundaj kaj belegaj. Muzo lia estis, i. a., Teresa, sed ne laŭ la abstrakta aspekto de Dante kaj Petrarko, sed laŭ objektiva kaj realisma manieroj. Li fariĝis sincera antaŭ Dio, konfesante sian pasion amoran, kaj konsiderante sin, senkaŝe, febla homo. Liaj poemoj transcendis la katalunajn landojn, kaj per ili li atingis la plej altan verticon de la gloro. Tiam Valencio enkalkulis kvindek mil loĝantojn, kaj Barcelono tridek mil. Valencio estis, tiam, la centro de la kataluna kulturo, kaj tie naskiĝis la plej grandaj klasikuloj. Mirinde estas konsideri ke en Valencio, Majorko kaj Katalunujo, tiam, la unueco lingva estis absoluta.

Joan ROIÇ de CORELLA, ankaŭ valenciano, estis la lasta granda poeto de la Renesanco. Li prikantis, ankaŭ, mizoginajn temojn, kaj liaj amaj kaj religiaj poemoj estas belegaj, perfektaj, profundaj. Tuj post tiu majstro finiĝis ankaŭ la ora literatura epoko de la kataluna lingvo, kiu komenciĝis en Ramón Llull. Sekve, alvenis la nebuleco de la dekadenco, kaŭze, precipe, de la dulingvismo, kies motivojn oni devas serĉi en historiaj politikaj faktoj, kiuj estas, inter aliaj, la estingiĝo de tiu glora dinastio de la Barcelonaj grafoj.

Dum tiu dekadenca periodo daŭranta tricent jarojn, neniu alia grava poeto kapablis aŭdigi sian voĉon. Nur Vicenç GARCIA (la nomata "Paroĥestro de Vallfogona") kaj Francesc FONTANELLA, iom rimarkindas. La lingvo pli kaj pli malriĉiĝis, pleniĝis je barbarismoj, kaj ĝia sintakso mistordiĝis. En tiu ŝajna progresanta agonio, subite brilis glora dato. Ĝi estas la 24-a de aŭgusto de la jaro 1833-a, ĉar en la periodaĵo "El Vapor" de Barcelono, publikiĝis grava, transcenda poeziaĵo subskribita de Bonaventura Carles ARIBAU tiam loĝanta en Madrido je la servo de la kataluna bankiero Gaspar de Remisa. La verko titoliĝas "Odo al la Patrujo", kaj per ĝi, la aŭtoro de tiuj gravaj kaj miraklaj versoj, prikantas melankolie la pasintecon, alsopirante lingvon kiu estis iam glorega. Tiu versaĵo estis vek-alvoko, kiu efikis eksterordinare pozitive. Floris jam tiam, en Hispanujo, la tiel nomata Romantika Movado.

Joaquín RUBIO i ORS, ses jarojn post la publikiĝo de tiu Odo, komencis regule sendadi siajn katalunlingvajn poeziaĵojn al "Diario de Barcelona", kun la pseŭdonimo "Lo gayter del Llobregat" (La sakflutisto de l' rivero Llobregat). Li baldaŭ famiĝis, ĉar oni avide legadis tiujn simplajn kaj romantikemajn poemetojn. Je la eĥo de lia sakfajfilo, aŭdiĝis baldaŭ granda nombro da simplaj popolaj poetoj avidaj esprimi sin per la gepatra lingvo.

Iom post iom, aŭroro de renaskiĝa movado jam plene manifestiĝis en la kataluna ĉielo. Eĥo en Majorko jam estis vekanta konsciencojn. Tomàs AGUILO estis el la fruaj homoj, same kiel en Valencio Tomàs VILLARROYA. Forpasis... dudek jaroj, kaj alia majorkano, Marià AGUILO, filologo kaj vera poeto, puŝis definitive la timeman Renaskiĝon al plena florado kaj al abunda fruktado. Oni paŝis malrapide, dubeme, sed, fine, efektive. Jen, do, la nova glorega dato, en Barcelono, de tiu 1859-a: la unua de majo, ĉar estis restarigita denove la Festo de la Floraj Ludoj, kiun oni preparis heziteme dum, almenaŭ, dek jaroj. Milà i Fontanals, prestiĝa universitata ĉefprofesoro — kiu kelkajn jarojn antaŭe ankaŭ dubis pri eblecoj kaj vera efektiva renaskiĝo beletra de la lingvo —, estis la Prezidanto kaj inaŭgura parolanto. La Floraj Ludoj, vere ludis plej gravan rolon

dum multaj jaroj, kiel animo kaj motoro de tiu vera revigliĝo pli kaj pli progresanta. Marià Aguiló iris al Valencio instigi la poetojn Teodor LLORENTE kaj Vicent Wenceslau QUEROL, por ke ili starigu ankaŭ tie la poezian ĉiujaran konkurson.

En Barcelono la Floraj Ludoj okazis, jam dekomence, nur katalunlingve, sed en Valencio, bedaŭrinde, ili estis, en la komenco, dulingvaj. En Katalunujo la burĝaro protektis plene la kulturan Feston, sed ne okazis tiel en Valencio. Ne strange, do, la Renaskiĝo en la lando de la kolosaj Ausiàs March, Bernat Metge, Jaume Roig, Joanot Martorell, Vicent Ferrer, Jordi de Sant Jordi, Roiç de Corella, kc., atingis nur malaltajn ŝtupojn.

Dek-ok jarojn poste, la ĉiujaraj Floraj Ludoj de Barcelono atingis sian kulminon: la poeto kaj glora dramverkisto Angel GUIMERA gajnis en la solenaĵo de la jaro 1877-a, la tri Florojn kune, t. e., la Naturan, la jasmenon el oro, kaj la Violon el oro kaj arĝento. Tiu eksterordinara cirkonstanco ne plu ripetiĝis, ĝis nun. Krome, oni aljuĝis al Jacint VERDAGUER Eksterordinaran Premion pro lia epopeo "La Atlantido", kiu famigis lin en la tuta Eŭropo. Jen, do, la du pintuloj de la Renaskiĝo kataluna: Guimerà kaj Verdaguer!

Verdaguer, kiu estas nomata la "nacia kataluna poeto", naskiĝis en kampara vilaĝeto, Folgueroles, apud Vic. Li metiis kiel terkulturisto dum li estis pastra studento. Kaj li ĉiam sentis sin alligita al la grundo, kiel kiu ajn simpla kamparano. Li poezie difinis sin, tiel, per tiu sprita verskvaro:

"Poeta i llaurador só,
i faig la feina tan neta
que llauro com un poeta
i escric com un llaurador."

(Poet' kaj plugist' mi estas.
Fajnan taskon mi plenumas
ĉar kiel poet' mi plugas,
kaj kiel plugist' mi verkas.)

Li estis vera genio, ĉar li kapablis retrovi por la kataluna tiujn trezorajn vortojn, kiuj forperdiĝis dum la dekadencaj jarcentoj. Li ĉerpis ilin el la simpla vorttrezoro de la montaj vilaĝetoj, ĉar tie la lingvo ne tiel degradiĝis. Kaj li kapablis doni beletran fasonon al tiuj vortoj kaj esprimoj preskaŭ jam nekonataj en la grandaj urboj. Verdaguer, tamen, ne sarkis la idiomon; li ne elradikigis la fiherbojn el ĝi, ĉar li ne estis filologo nek gramatikisto. Ĉi tiun taskon entreprenis sukcese, plurajn jarojn poste, la nefakula, sed genia filologo Pompeu FABRA, ĥemia inĝeniero.

Jacint VERDAGUER, popole nomata "Mossèn Cinto", jam en la zenito de sia famo, kaj ankoraŭ gustumante la mielon de la gloro atingita de li per lia senmortema epopeo "La Atlantido", verkis kaj publikigis novan kaj mirindan grandan epopeon: "Canigó", per kiu li prikantas, flanke de la argumento bazita sur historiaj kaj fantaziaj faktoj de la mezepoka militado kontraŭ la maŭroj, (la tiel nomata "Rekonkerado"), la majestan belecon de la Pirenea montaro.

Marcelino Menéndez y Pelayo skribis al li leteron tuj post la legado de tiu verko. El ĝi oni povas substreki la jenon: "Per atenta legado de "Canigó" konfirmiĝas al mi la ideo kiun de longe mi subtenas: ke vi estas la plej grava poeto el tiuj nun vivantaj en la hispanaj landoj".

Kiel religia poeto li verkis centojn da trafaj poeziaĵoj kiuj populariĝis nekredeble restante kiel piaj popolkantoj. Per sia poemkolekto "Floroj de l' Kalvario", li, jam en la lasta kaj sombra stadio de sia vivo plena je famo kaj, poste, je tragediaj afliktoj, elverŝis maron da larmoj. La mielo, ja, tiam, ŝanĝiĝis en galon.

Tiam, la "Modernismo" ekstarigis novajn konceptojn pri art-esprimado. Joan MARAGALL, granda poeto kaj samgrada profeto (laŭ plej bona senco de la vorto, pro lia denuncado de gravaj sociaj problemoj, kaj lia klarvida konsiderado de plej justaj solvoj), renovigis la aermedion. Kaj li kreis la estetikan teorion de la "Spontanea parolo", kiun li aplikis verkante diafanajn kaj spirite varmajn poeziaĵojn. Li tute fidis je la inspiro, kaj tial li konsilis al la poetoj: "Vi diris sanktegajn vortojn. Do, vi ne plu tuŝu ilin! Jen tio, kio estas donita al vi, kaj tio, kion vi kapablas diri".

Lia "Spirita Kanto" estas la maksimuma esprimo de lia noumeno. La Modernismo, en Katalanujo, furoris, eĉ en nivelo populara, precipe sur la kampo de la urba arkitekturo. La maksimumaj kreintoj estis Antoni GAUDI, mondfama, kaj Lluís DOMENECH I MONTANER.

La Floraj Ludoj seninterrompe daŭris. Dek-unu jarojn post tiuj eventaj de 1877-a, ĝuste en la jaro 1888-a, la solenaĵo estis aparte altranga, ĉar la Reĝino de l' Poetoj estis, tiuokaze, la

hispana reĝino regenta María Cristina de Absburgo-Lorena. La Prezidanto de la Konsistorio estis Marcelino Menéndez y Pelayo, kiu legis sian paroladon katalunlingve. Dum ĝi, li sin turnis al la duobla Reĝino, dirante: "Tial, Sinjorino, vi estas alveninta ĉi tien por ame aŭskulti la nuancojn de tiu lingvo kiu estas nek fremda, nek ekzotika, sed hispana kaj havanta nenian makulon je bastardeco".

La Renaskiĝo kaj, tuj poste, la Modernismo, efikis tre favore en la Baleara Insularo, kie granda plejado da elstaraj poetoj riĉigis la lingvon. Ni povas envicigi, precipe, la nomojn de COSTA I LLOVERA, Joan ALCOVER kaj Llorenç RIBER, kaj la postajn de la poetino Maria Antònia SALVÀ kaj Miquel FERRÀ.

Costa i Llovera revivigis formojn kaj konceptojn de la latinaj klasikuloj. Li, forte enradikiĝinta en sia insula grundo, prikantis, inter alie, simbolan arbon: "La pino de Formentor".

Joan Alcover, unue verkadis kastililingve, kaj pro fakto de daŭra tragedio familia, li plue nur verkadis katalune, kaj tiel li atingis plej valorajn laŭrojn pro la perfekteco kaj sincereco de siaj kortuŝaj elegiaj poemoj. Senin terrompe, la majorka skolo, laŭ la fluo kaj evoluo de sekvaj kulturmovadoj, rangis ĉiam kun elstaraj poetoj. Bartomeu ROSSELLÓ-PORCEL, mortinta je la juna aĝo de 25 jaroj, en Barcelona, dum la lasta interfrata milito, levis torĉon de tute nova stilo. Li praktikadis, precipe, la "poezion por la poezio" kun raraj esprimnuancoj. Poste, aperis Marià VILLANGÓMEZ, Blai BONET, Miquel BAUÇÀ, Jaume VIDAL i ALCOVER, i. a.

En Valencio, la postrenaskiĝa movado enskribis ankaŭ gravajn nomojn, kiel tiujn de Francesc ALMELA, Bernat ARTOLA kaj Carles SALVADOR. Post la intercivitana milito, ankaŭ en Valencio, Xavier CASP kaj Maria BENEYTO publikigis atentindajn poemlibrojn. En la nuno. Lluís ALPERA kaj, precipe Vicent ANDRÉS i ESTELLÉS estas la maksimumaj steloj.

La Modernismo naskiĝis, rilate la poezion, en la verkoj de Maragall. Tuj poste, la estetika skolo elpensita de la kataluna filozofo kaj eseisto Xènius (pseŭdonimo de Eugeni d'ORS) floris laŭ la nomo de "Naŭcentismo". Poetoj, romanistoj, skulptistoj, pentristoj, envolviĝis en mediteranean lazuran helecon. Tri gravaj poetoj, i. a., enskribiĝis en tiujn vicojn, nome, Josep CARNER, Guerau de Liost kaj Josep M.ª LÓPEZ-PICÓ. Josep Carner estis nomata "princo de la kataluna poezio", kaj li fariĝis, dum jardekoj, nediskutebla majstro. Lia lingvaĵo estas perfektega kaj preciza; lia stilo elegante, plurnuanca kaj plena je agrabla ironieco.

Tuj poste la kataluna poezio atingis denove pinton de gloro kaj ellaboriteco, same kiel antaŭe pere de Ausiàs March, pere de granda poeto, Carles RIBA, kiu inspiriĝis, unue, en la stilo de franca simbolismo: precipe, en tiu de Mallarmé. Liaj du unuaj poemlibroj titolitaj "Estances" (Stancoj), estas vere monumentaj. Intertempe, juna poeto aŭtodidakta (kiu ankaŭ mortis en juna aĝo), Joan SALVAT-PAPASSEIT, laŭ linio de Maragall, kaj, aliflanke, de "avangardismo", verkis antologiindajn poeziaĵojn plenajn je agrabla kaj intima realismo. Liaj amoraj aŭ erotikaj poemoj, estas raraj perloj. Josep M.ª de SAGARRA, Tomàs GARCÉS kaj Joan ARÚS, kreis sukcese tre ellaboritan popularan poezion.

En Rusiljono, Josep-Sebastià PONS estis la maksimuma kaj glora tiea reprezentanto de la katalunlingva kulturo. Nun, Jordi-Pere CERDÀ, estas la plej signifa poeto. Kaj en la sarda urbo Algero, priatentindaj poetoj persiste verkas katalune pli ol antaŭe.

Dum la postmilita epoko, la liro de Màrius Torres, ilerdano — kiel dirite —, estis la plej bele kaj kortuŝe agordita. Josep-Vicenç FOIX, kiu jam multe verkis antaŭ 1936-a kiel pionira adepto de avangardismo, estis je la fino de tiu intertempo, kiam li plene diskonigis sian tre originalan kaj vastan verkaron, kies substrata bazo estas, persiste, la surrealismo. Lia perfekteco lingva, intence laŭ stilo de la mezepokaj klasikuloj, estas unika. Agustí BARTRA estas la plej altranga poeto el tiuj, kiuj forĝis sin en longa ekziliĝo promilita. La realisma, socia kaj ankaŭ satira poezio de la nuntempo, havas plej talentan reprezentanton en Pere Quart.

Dekojn da aliaj poetoj ni povos enlistigi, sed tio estos laciga tasko. Ni citu nur la nomojn de Gabriel FERRATER kaj Joan VINYOLI, pro ilia nekomuna originaleco, ĉar ili estas fidindaj atestantoj de tute nova historia epoko.

Sed mi volus fini ĉi tiun jam tro longan prelegon parolante pri la plej granda verkisto post Verdaguer. Tiu estas Salvador ESPRIU, unu el la plej gravaj eŭropaj poetoj, kaj kandidato al Nobel-Premio. En la jaro 1946-a publikiĝis lia unua poemlibro: "Cemen-

tiri de Sinera" (Tombejo de Sinera, kies lirikeco bazita sur rememoroj de la infanaĝo kaj sur profunda, preskaŭ obseda, konsiderado pri la morto, estis klarvida aŭguro de eminenta kaj epokfara versisto.

Tri novaj kaj sinsekvaj libroj, nome, "La horoj", "Sinjorino morto" kaj "La vojiranta kaj la muro", temis, preskaŭ ekskluzive, pri la morto, sed ĉiufoje laŭ aspekto nova kaj pli satireca. En iuj aliaj postaj poemaroj, la satiremo atingas akrecon ekstreman. En aliaj, konstantaj aludoj al mitoj, kreas misteran kaj esoteran medion. Jen, nun, malgranda specimeno eltirita el "Tombejo de Sinera", ĝuste la poemo XVII-a. ("Sinera" estas poezigita nomo de la marborda vilaĝo Arenys de Mar, kie li loĝis en sia infanaĝo.) Bonvolu priatenti ke "la damo", en la poezio de Espriu, ĉiam reprezentas la morton.

El nokto plej alta,
ve, la nigra barko
kiu por mi gvatas!

Ve, la nigra barko
sur la sonĝo mia
de l' Sinera-maro.

La voĉ' de la damo
for de l' temp'. Mi aŭdas
la marmoran kanton.

"La taŭra felo" estas la poemlibro kiu pli famigis sian aŭtoron. Ĝi konsistas el kvindek-kvar versaĵoj laŭ disvolviĝa temaro: la intercivitana hispana milito kaj ĝiaj tutaj kaj daŭraj sekvoj de malamo kaj apartaj mondoj de venkitoj kaj venkintoj. En tiu poemaro, Hispanujo (kies mapo similas taŭran etenditan felon) alprenas la judan nomon Sepharad. Jen pli-malpli fidela traduko de la XLVI-a poemo.

De temp' al tempo
estas necese kaj neeviteble
ke unu homo mortu por la popolo sia.
Sed, neniam praviĝos ke la tuta popolo
mortu por unu sola homo:
neniam forgesu tion, Sepharad!
Penu por ke la dialogo-pontoj estu [firmaj;
krome, provu ami kaj kompreni
la rezonadojn kaj diversajn lingvojn [de la idoj viaj.
Ke la pluvo falu, iom post iom, sur la [grenkampojn,
kaj ke tra ili blovu vento
simile al tre bonvolema kaj milda eten- [dita mano.
Ke Sepharad eterne vivadu,
en ordo, paco kaj laboro,
kaj en la malfacila meritita
libereco.

Kaj mi deziras fini ja tiun paroladon per deviza diro de la kataluna lingvisto Pompeu FABRA, ĉar kun esperantista intenco ni povas alproprigi ĝin al ni, kvazaŭ estus Zamenhof la koncerna aŭtoro:

NENIAM NI DEVAS FORLASI KAJ LA TASKON KAJ LA ESPERON!

---

# NI GRATULAS

En la Literatura Konkurso "Premio Letterario Internazionale GRADARA" IV Edizione, Gradara, 1975, inter la premiitoj aperas la nomo de nia kara samideano S-ro Salvador Gumá, kiu gajnis la premion pro lia versaĵo "Kiam floras la timianoj". La premio konsistas el diplomo kaj bela pentraĵo de Raffaele Marotta. Koran gratulon al li!

---

Ankaŭ kore ni gratulas al nia samideano kaj amiko Dro. Henryk Maŝler, kiu laŭ decido de la estraro de Esperanto-Ligo en Israelo (E.L.I.) ricevis arĝentan pokalon, kiel aprezon pro lia konstanta valora agado por la Esperanto-movado en Israelo.

---

## DONATIVOS PARA BOLETIN

| | *Pesetas* |
|---|---|
| *Suma anterior* . ... ... ... | 7.429,— |
| Esperanto-Klubo Payá (Mislata) . ... ... | 1.680,— |

Pepica, 25; Josefa, 25; Amparín, 25; Vicen, 25; Rosita, 25; Lolín, 25; Adelita, 25; Amanda, 25; V. Peña, 25; Carmen, 25; Pilar, 25; Elena, 25; Celes, 25; Ana M.a, 25; Margarita, 25; Juanita, 35; Amparito, 10; Ramonet, 10; Leopoldo, 25; Juanito, 25; Julio, 25; Jacinto, 25; Forés (elec.), 25; Félix, 100; Jesús, 25; Sanchis, 25; Jaurés, 25; Giménez, 25; Joel, 100; Maroto, 25; Modesto, 50; Forés, 50; Mateu, 50; Felipe, 25; Ruz, 25; Albero, 25; Ruiz, 25; Alcantarilla, 25; Lozano, 25; Alapont, 25; Párraga, 25; Amador, 25; Faz, 25; Devesey, 25; Isaías, 25; Ballester, 25; Vicente, 25; Pablito, 25; Rufino, 25; Roberto, 100; Blasco, 25; Milario, 25.

*Total* ... ... ... ... ... ... ... ... 9.109,—

# 17-a KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO



Parto de la publiko dum la Arta Festivalo.

Kiel anoncite, nia nunjara Renkontiĝo okazis en la "senmorta urbo" Gerona. Ĝin ĉeestis ĉirkaŭ 300 gesamideanoj, inter kiuj multaj gejunuloj. Ĉi tiu fakto kaj la granda amaso da partoprenantoj donis al tiu Renkontiĝo ŝajnan karakteron de Kongreso.

Komenciĝis la aranĝo, jam la 1-an de septembro per inaŭguro de Esperanto-Ekspozicio en la "Kultura Domo".

La 13-an, je la oka horo vespere nia distinginda s-ano Ramón Molera en la aŭditorio de la menciita "Kultura Domo" prelegis pri la temo "Vojaĝo tra Eŭropo per Esperanto", helpe de diapozitivoj. Nia amiko R. Molera kaj lia vervo estas sufiĉe konataj, pro kio ne fariĝas necese raporti pri la intereso, kiun vekis liaj vortoj inter la ĉeestantaro.

Dimanĉe 14-an, la unua programero estis vizito al la strato Esperanto, okaze de tio io originala enŝoviĝis en la festaranĝon. La malmultnombra najbararo de la strato (estonta avenuo) simpatie regalis la vizitantojn per tre abundaj matenmanĝetaĵoj, kukaĵoj kaj bongustaj trinkaĵoj. Ja regalis preskaŭ 300 personojn fare de privata iniciato estas io neniam antaŭe okazinta en niaj regionaj manifestacioj. Nian sinceran saluton por ĉiu najbaro sed precipe por S-ro Tomás Sitges, kiu diligente okupiĝis pri ĉi tiu agrabla kaj dankinda originaleco.

Esperantlingve celebris la meson kaj predikis en la Paroĥejo Sankta Jozefo, Pastro Manuel Casanoves. Interesa estis la prediko de nia s-ano, kiu en mia opinio havis du partojn. Unue li pritraktis la pasintajn katalunajn E-Kongresojn. Li menciis la 9-an kongreson, kiu okazis en Gerona, rememorigante la kursojn de Esperanto en diversaj lernejoj, kies imitinda ekzemplo estis tiu de Sant Feliu de Guixols kaj la faritan laboron de la pastroj Josep Casanovas kaj Font Giralt. Ĉar 14-a de septembro koincidas kun la festo de la Glora Kruco, li dediĉis la duan parton por komprenigi la signifon de la Kruco, kiu ne estas punilo, li diris, sed signo de amo inter la homoj kaj Dio. La Kruco estas forto de amo, kiu iras ĉiudirekten.

S-ro Llibert Puig malfermis la Artan Festivalon en la aŭditorio de "Colegio Menor Obispo Cartañá", kie disvolviĝis la tuta Renkontiĝo, dirante: Ni volas fari festivalon nur en Esperanto... ni devas esperantigi la balbutantojn... esperantigi rondojn... pruvi ke Esperanto estas vivanta lingvo... Ni, ne nur propagandu Esperanton per vortoj sed ankaŭ per faktoj.

Sekve okazis la Arta Festivalo, la trupo de Centro de Esperanto Sabadell surscenigis diversajn skeĉojn aŭ teatraĵojn, interalie tiun de "Dramo senfina", "En la juĝejo", "La du amikoj" kaj aliajn ne forgesante la amuzajn "Ĉinajn Ombrojn". La kanzonisto "Ludoviko" de "Amikoj de UNESKO" entuziasmigis la multnombran ĉeestantaron. Geknaboj deklamis poemojn. La veterano S-ro E. Vilella tion faris per la "Hirundeto" de nia neforgesebla poeto Francesc Vilá. La Festivalo estis tre interesa kaj mi ne dubas ke estonte niaj amatoraj geartistoj plue superiĝos.



La trupo de Centro de Esperanto Sabadell surscenigas la teatraĵon «Dramo senfina».

Por la bankedo ni translokiĝis al Bañolas, en hotelo "Mirallac" fronte al la tiea lago. Post kontentiga manĝado, ĉe la kaftrinkado salutis ĉiuj reprezentantoj de la katalunaj grupoj kaj oni legis telegramojn de Pastro J. Claramunt el Meksikio kaj Dro. Rafael Herrero. Ankaŭ salutis s-ro Jean Amoroux el Perpignan, s-ino Julia V. de Rocafull el Buenos Aires kaj s-ro René Llech Walter, kiu krom saluti nome de la Rossellonaj esperantistoj diris: Mi estas amiko de Dro. I. Lapenna, mi estas amiko de Dro. H. Tonkin kaj mi certigas ke UEA, en kies nomo mi ankaŭ salutas, iras kaj iros sur la neŭtrala vojo. Mi opinias, ke ni ne devas dividiĝi, ni unuece marŝu al la celo. Fortan aplaŭdadon ricevis la vortoj de nia franca samideano, kiel pruvon de sincera kaj fidela apogo al UEA flanke de la kataluna esperantistaro.

Nome de Hispana Esperanto-Federacio, kaj kiel estrarano, parolis s-ro Petro Nuez, kiu anoncis, ke la Prezidanto de HEF jam rajtigis lin prezidi la komitaton de HEF en Katalunujo, laŭ decidoj adoptitaj en la Hispana Kongreso de Lérida. Li alvokis ĉiujn katalunajn grupojn por plua laborado.

La subskribinto okupiĝis pri la Libro-Servo kaj povas certigi ke la intereso, kiun montris la ĉeestantoj por la libroj estis eksterordinara, ĉar oni atingis rekordon en la disvendado.

La venonta Kataluna Esperantista Renkontiĝo okazos en Tarragona provinco.

*Luis Serrano Pérez*
Sabadell

---

## LA UNUA MOND-FAMA ĈEFVERKO HISPANA, JAM EN ESPERANTO

Nia samideano Fernando de Diego (kies transdonoj el la hispana, interalie *La lando de Alvargonzález,* de A. Machado; *Cigana romancaro,* de F. García Lorca; *Kun sopira koro,* de G. Adolfo Bécquer; *La arbo de la sciado,* de Pío Baroja, kaj *Doña Bárbara,* de Rómulo Gallegos, metis lian nomon en la avangardon de la traduka beletro de nia lingvo) ĵus finis, post plurjara, konscienca kaj skrupula laborado, la monumentan taskon doni al Esperantujo kompletan version de la monde fama hispana ĉefverko *Don Quijote de La Mancha.*

Superfluas diri, kiel decide grava por la prestiĝo kaj plifirmigo de nia lingvo interne kaj eksterne de nia Movado estos la eldono de *Don Quijote* en Esperanto. Kaj ni, hispanaj esperantistoj, havas kvazaŭ la devon, super ĉiaj tendencoj kaj ideoj, reciproki la fervoran sindediĉon de la tradukinto per la mobilizo de ĉiuj niaj fortoj, kun la celo, ke *Don Quijote* en Esperanto eldoniĝu en Hispanio, lulilo de la senmorta romano, por ke ni povu fiere montri ke la nova eliro de Don Quijote, ĉi-foje en suka, elasta, bunta kaj klara Esperanto, efektiviĝis dank' al la entuziasmo de la samlandanoj de la vaganta kavaliro.

La Hispana Esperanto-Federacio, la hispanaj kaj latin-amerikaj mecenatoj, la institucioj, kie, ĉie en la mondo, oni kultas la memoron de Cervantes kaj lian ĉefverkon, havu la parolon.

*Enrique Navarro Rubio*

# ADIAU!

*Al mia kara forpasinta edzino*



Kiom da klopodoj kaj esperoj,
kiom da penoj por la ekzisto,
kiom da laboro kaj oferoj,
kiom da revoj kaj persisto,
kiom da zorgoj al infano
—estonteco kaj fajna iluzio—
kiom da atento por la sano
kaj jen subite, ekfalis ĉio.

Ne plu ŝi donos al mi la manon
kiun mi dolĉe karese tenis,
ne plu ŝi flegos al mi la sanon
por kiu ŝi tiel multe penis,
ne plu ŝi la domon aranĝos
ne plu ni familie sidos,
ne plu ni intime kunmanĝos,
ne plu ŝi ploros nek plu ŝi ridos.

Min ĉirkaŭas da impresoj milo,
etaj detaloj, negravaj bagateloj;
en kajero: notoj, notoj pri la filo,
preskriboj, projektoj, celoj,
kuriozaĵoj, lokoj por ferio,
adresoj, puntaĵoj, formuloj...
ĉio vaniĝis, disfalis ĉio,
mia koro cedas, larmas la okuloj.

Neniam mi forgesos la lastan horon,
la ŝvitan manon kiu min karesis,
la rapidajn batojn de ŝia koro,
la torditan buŝon, kiu min impresis,
la balbutan voĉon, la putran makulon,
la kortuŝajn vortojn de ŝia klara menso,
la nukan rigidecon, la ŝvelan okulon,
la mortkonscion en ŝia hela penso.

Adiaŭ mia kara, kara mia,
plu turniĝas la vivokaruselo,
la ekzisto estas iel komedia,
forestas inda, nobla celo,
en la brustoj mankas koro pura,
la Socio estas karnavala,
falsita, kruela, malnatura,
kaj la tuto, ŝakala-kanibala.

Ripozu en paco mia kara,
for de l' mondo, for de l' doloro,
for de l' vivo streĉa kaj amara
kaj for de l' homoj! Nur la memoro,
la konduto, la bildo senkompara
vivos por ĉiam en mia koro,
en sento de amo malavara
por eterna ripozad' en gloro.

**Adiaŭ!**

*Salvador Gumá*

---

**S-ro Salvador Gumá esprimas sian plej koran dankon al la multaj samideanoj, kiuj per siaj kondolencaj leteroj helpis lin en lia aflikto pro la forpaso de lia edzino.**

# SILVIA

## I

Ekstere frostas. La tutan tagon neĝadis. La legomĝardeno aspektis kvazaŭ pura blanka litotuko. Je la lastaj horoj de la vespero, kiam la tago fuĝas kaj eketendiĝas ĉien la nokta vualo, tra la dormoĉambra fenestro, mi rigardadis longe la silentan faladon de neĝo. Dika tavolo kovris ĉion: grundon, arbojn, vojon... Subite, kiel sorĉitaj, la neĝeroj turniĝis kirlataj pro la vento kaj poste malrapide suriĝis.

Nun, en profunda nokto, mi kuŝas apud la kamena fajro. Soleco kaj duonheleco ŝvebas en la ĉambro. La flamoj skulptis sur la muron kaj plafonon movemajn fantomojn. De tempo al tempo, la brulligno kraketas kaj eliras fajreroj, kiuj malaperas en la aero; peco da karbo saltis planken.

Gape, miaj okuloj estas ravitaj far la hela brilo de flamoj. Vintre, ĉiam melankolio trafas min. La kampara laboro ne estas ebla pro la malbona vetero. Longa restado hejme malgajigas mian animon. Miaj pensoj flugas malproksimen al mia juneco. Mi rememoras belajn paĝojn el mia vivo kaj ankaŭ malĝojajn okazintaĵojn.

La vento multe pli intensas nun ol vespere. Ventofrapoj tremigas pordon kaj fenestrajn klapojn. La senfoliaj branĉoj de l' arboj siblas; ili plorĝemadas.

## II

Unuan fojon, kiam mi vidas ilin, la vetero estis tia. Mi bone memoras tion. Ankaŭ tiam la vento ululis kaj neĝo kovris stratojn. Tie, en la granda urbo, pro la malvarmo, la stratoj estis preskaŭ senhomaj. Ĉe stratangulo, sidante sur ligna kesto, blindulo, mizere vestita, ludis akordionon. Ĝia muziko estis melankolia, kortuŝa; ĝi esprimis suferon, doloron, malgajecon... Apud li staris infanino, sepjara, eble. Ŝia pala vizaĝo, kun trajtoj de malsato, okuloj nigraj kaj profundaj, montris la tutan dramon de sia vivo. Ŝian maldikan korpon kovris ampleksa ĉifona vesto. Vastaj truitaj ŝuoj kaŝis ŝiajn etajn senŝtrumpetajn piedojn. La haŭto de ŝiaj malgrasaj manetoj kaj kruroj estis tute bluaj pro frosteco. Muko pendis el la nazotruoj.

Denove kaj refoje oni aŭdadis la seninterrompan kanton de la infanino. El ŝia gorĝo eliĝis akra voĉeto malgaja, kies tembron ofte la tonoj de la akordiono neaŭdebligis. Senlace, dum horoj, ŝi ripetadis la saman melodion:

"Plena je angor' la vivo,
revas nur pri fantazio.
Vivado ja estas revo
kiun forprenas la vivo.

Vivado seniluzia
estas amo sen amor',
kvazaŭ mortado senfina
pro sufero kaj dolor'."

Ŝia dekstra mano, rigide etendita, kun mankavo suprentenata, almozpetis. De tempo al tempo, preterpasanto ĵetis kupran moneron en argilan pelveton, kiu kuŝis sur la trotuaro antaŭ la ŝuaĉoj de la blindulo. La metala tintado kontrastis kun la monotona malriĉeca etoso.

## III

La historio de ŝia juna vivo estas tre malĝoja. Post kelka tempo de nia unua renkonto, oni rakontis detale ĝin al mi. Ŝia patro, pro silikoza malsano, estis devigita forlasi, en la karbominejo, sian metipostenon. Li kun la edzino —la patrino de Silvia (tio estis la nomo de la kompatinda infanino)— translokiĝis al la granda urbo, kie la homoj aŭtomatiĝas kaj perdas sian individuecon iĝante nura unuo el kolektiveco.

En komerca kaj industria urbo, dum depresiaj periodoj, la merkato de la laboro estas malfacila. Tagon post tago li penadis, ke oni dungu lin. Sed vane. Miloj da homoj, similaj kiel li, serĉas la samon.

Li, demoralizita, je la komenco drinketis, sed post kelkaj semajnoj, hejmen revenis ĉiutage ebria; kolero kaj senbrideco regis lin.

La edzinon batis li konstante, pro la alkohola influo. Estas homa sento, ke nian malfavoran sorton ni ĉiam atribuas al aliuloj. La eta infanino, kvarjara, ja estis reala atestantino de tiaj malagrablaj scenoj familiaj, kaj ŝia plorĝemado miksiĝis al la krioj kaj bruo de la gepatroj.

Iun nokton, li ne plu revenis. La pacienca edzino kun Silvia ĉe la brakoj endormiĝinta atendis lin.

Sekvontan matenon, en ĵurnala, apenaŭ perceptebla loko de paĝo, en du linioj, oni raportis, ke neidentigita ebria viro mortis sur la ŝoseo pro malvarmo.

## IV

Dum tri jaroj, la patrino ege suferis spirite kaj korpe. Ŝi multe penadis kaj luktis por la ekzistado. Tamen la plej bela juvelo, kiun posedis la patrino, estis Silvia. Pro ŝi, nur pro ŝi, estis inde vivi la vivon.

La nomo de la patrino estis Karmena. Post la morto de la edzo, ŝi laboris ĉe la marista kvartalo, en drinkejo, kiu situis proksime al la haveno. La ejo estis granda sed tre malpura.

Nokte, ĝi ĉiam estis plenplena da maristoj kaj ĉiesulinoj. Fanfaro kaj bruo estis ĝia distingilo. La aero estis grizeca pro densa tabaka fumo; ŝi ŝajnis ŝvebanta nebulo. La drinkejo ellasis fortan fetoron de ŝvito, vino kaj malpureco. Bravaj maristoj, marveturantaj dum monatoj, ĵus atingintaj tian marbordan urbon, vizitadis tiun faman drinkejon "La Skorpio".

La stratoj de la marista kvartalo estas mallarĝaj kaj nerektaj. Sur la pavimo, je pluvemaj tagoj, estas kaĉa koto el tero, karbo kaj oleo.

Multfoje, en mia juneco, mi vizitis tiun havenon. Estis plezuro por mi promenadi nokte sur la kajoj, aŭdi la plaŭdadon de la ondetoj kontraŭ la ŝipŝeloj, la knaron de iu ferdeka klapo, la klakadon de miaj botoj sur la ŝtona pavimo, kaj rigardadi la ŝipajn velojn kaj mastojn, kiuj siluetiĝis sub la arĝenta luna lumo. La aero odoris sale, fiŝe. El la ŝipaj kamenoj eliĝis maldensa fumeto; preterpasante fiŝkaptistan barkon, mi flaris la aromon de preta kafo aŭ la apetitigan odoron de frititaj sardinoj.

Dum Karmena purigadis glasojn kaj telerojn, Silvia, sidante sur la planko en angulo de la drinkeja kuirejo, ludis per kvazaŭa pupo (ĉifono ligita ŝnure, el kiu pendis du bastonetoj sube, tio estis la kruroj, kaj du ĉe ambaŭ flankoj, kiuj rolis kiel braketoj).

Ankaŭ rompita kulero, kaserolŝtopilo, pota anso kaj kartona skatoleto, en kiu kuŝis osta butono, du ŝtonetoj, botela korko kaj krajonstumpo, estis belaj kaj bonaj ludiloj por ŝi.

## V

En la sama strato de "La Skorpio", vid-al-vide al la drinkejo, ĉiutage, blindulo akordionis saman malgajan melodion, kiun kantis monotone per raŭka voĉo. Li sidis sur tripieda tabureto. Ĉe lia dekstra flanko, kuŝis griza hundo; ĝi estis lia gvidanto. Fidele, dum jaroj, ĝi kondukis sian mastron tra la urbo, kaj estis la unika amiko de la blinda muzikanto. Kiam ĝi marŝis, oni konstatis, ke "Flipo" estis tre maljuna hundo. Malrapide, ŝancelante la korpon, ĝi movis siajn kvar krurojn peze, senharmonie. Ĝiaj vitrecaj okuloj estis senmovaj, senvivaj. Ĝi, eĉ vizaĝe, mienis iom kiel la mastro, aŭ kontraŭe, post tiom da longa kunvivado, la blindulo havis "flipajn" trajtojn.

Malgraŭ patrina grumblado, Silvia multfoje eskapis el la drinkeja kuirejo, tra pordeto situanta en mallarĝa senelira strateto, por viziti Flipon. En la kuirejo, sub longa tablo, inter la lasta breto kaj la planko, ŝi havis kaŝite ladan poton duonrustitan. En ĝi, ŝi gardis pecojn de kokinaj ostoj, fiŝkapojn, rizajn restaĵojn kaj similajn rubaĵojn, por doni al la maljuna hundo. La manetoj de Silvia milde karesis la hundan kapon, tuŝis ĝiajn orelojn, gratis ĝian dorson. Kaj tio multe plaĉis al Flipo, kaj ankaŭ ricevi la ĉiutagan etan bankedon, per kiu ŝi regalis ĝin.

La infanino havis longajn konversaciojn kun la maljuna besto. Ŝi rakontis al ĝi multajn aferojn. Ĝi atente aŭskultis ŝin, kaj sekvis per la okuloj la movojn de ŝiaj manetoj. De tempo al tempo, je plilaŭtigo de la infanina parolo, ĝi hirtigis la orelojn kaj movis la voston tien kaj reen, kiel konsentinte pri ŝia babilado. Ŝi ankaŭ montris siajn trezorojn (butonon, kordon, potan anson, ktp), kion insiste la hundo flaris.

## VI

La ĉiutaga vizitado de Silvia, estis por la blindulo, vera plezuro, kiel ĉiela anĝelo, kiu mildigis lian vivon. La senvidulo ne sin sentis tiom pesimista. Espera interna lumo kaptis lian koron. Li ne plu malamis nek la vivon nek la homaron. Ĉiufoje kiam ŝi vizitis lin, ŝi kisis la blindulon. Por ŝi, kiu ne posedis patron, tiu viro, kiun la homoj nomis "Niko" (mallongigo de Nikamadoro), penetris en la koreton de Silvia. Ŝi multe amis lin. La blindulo deziris koni ŝian fizionomion, kaj per siaj faltitaj manoj tuŝis la kapon de la infanino; per la fingropintoj de ambaŭ manoj, li palpis ŝiajn nazeton, mentonon, orelojn, palpebrojn kaj brovojn, frunton, lipojn kaj hararon...; same kiel artisto, kiu emus kapti la tutan vizaĝan formon, ensorbi la tutan spiritan belecon por skulpti ĝin en sian imagopovon.

VII

Post kelkaj monatoj, "Flipo", pro maljuneco, mortis. Nikamadoro, tre malĝoja, tamen havis la konsolon kaj karesojn de Silvia. Kiam la blindulo, kun larmoj ruliĝantaj sur la vizaĝo, per malgaja voĉo diris al Silvia, ke ŝi ne plu vidos la karan hundon, ŝi ekploris. Niko sentis ankoraŭ plian doloron pro la senkonsola plorado de la infanino. Tiam, li rakontis al ŝi, ke certe, Flipo, nune estas en la paradizo; ke ĝia animo flugis en regionon, kie oni konas nek malsaton nek maljustecon; kies lando estas plena de gajeco, floroj, birdoj kaj muziko, kaj tie, la homoj estas bonkoraj, sanaj, afablaj, justaj kaj amoplenaj, kie la surduloj aŭdas kaj la blinduloj vidas kaj la infanoj havas grandan amason da ludiloj, kun veraj pupoj kaj novaj luksaj kuirpotetaroj.

VIII

La patrino pasie enamiĝis al blonda fortika ŝipestro. La edziĝa oferto de la maristo skuis ŝian spiriton, ĉar por virino kiel ŝi, kiu dum la tuta vivo penadis kaj konis nur mizeron, tio estas grava afero por solvi ŝian monan problemon. Tuj post la geedziĝo ili loĝos en norda riĉa lando, kie ambaŭ zorgos kaj edukos Silvian.

Karmena multe projektis. Ŝi ja revis pri nova ideala vivo. Spirite ŝi sentis plaĉan plezuron. Nun ŝi estas tre feliĉa. Baldaŭ patrino kaj filino forgesos mizeron kaj malriĉecon, malĝojon kaj suferon. En tia marista etoso, fantazio estas espero. Estas bele revadi...! Feliĉe ke la revoj ne estas aĉetendaj, ke ili mem kreiĝas en nia menso! Jen, la Naturo estas saĝa, ĝi egaligas ĉion: riĉuloj kaj malriĉuloj revas kaj mortas. La revado donas forton, esperon, iluzion... kaj forpelas malesperon. Oni atendas pli favoran estontecon. La aĉetado de nura loteria bileto revigas nin... kaj ni imagas posedi tion, kion ni longe deziregis.

IX

Iun nokton, kiam Karmena kaj la ŝipestro promenadis apud la bordo de la maro, sub luna lumo, altega ondo, starigita dum sekundoj, kvazaŭ konstruita de la destino, forprenis iliajn korpojn, kaj ambaŭ pereis suĉitaj en la maran profundon. Neniu preterpasanto povis helpi ilin. La fatalo, tiu antaŭdecidita leĝo, kiu persekutas iujn homojn, ne permesis ke la geparo ĝuu belan kaj longan feliĉon. Estas bedaŭro, ke la providenco rezervis por ili tian baton.

X

De tiam, Silvia kaj Niko vivadis kune. Dum kvin jaroj ili estis ege feliĉaj malgraŭ la ĉirkaŭantaj mizero kaj malsato. Mankis pano al ili, sed en ilia mansarda loĝejo estis ega amo: li posedis ja filinon kaj ŝi patron!

Mi ne plu vizitis tiun havenurbon. Tamen, je similhodiaŭa vetero mi multe pensas pri la blindulo kaj la kompatinda infanino.

Post ŝia morto, laŭ onidiro de la najbararo, kiam la densa nebulo kovras la tutan maristan kvartalon en malvarmaj noktoj kaj la vento siblas pelante tra la mallarĝaj stratetoj la grizan nespireblan atmosferon, vagadas, kiel fantomo, la spirita voĉo de Silvia, kiu ulule protestas kontraŭ sia malfeliĉa sorto kaj mizera ekzistado.

Ankoraŭ, ĉi-nokte, reeĥas en miaj oreloj ŝia akra kaj melankolia voĉeto: "Plena je angor' la vivo, revas nur pri fantazio...".

*Petro Nuez*

---

## HEF JUNULARA RESTADEJO ESPERANTISTA HEJS

Monistrol de Montserrat (Barcelona)

INVITAS VIN, al senpaga loĝado kaj uzado de lito por la HEF-anoj kaj UEA-membroj. Ĉiujare malfermita nur en la dimanĉoj kaj festotagoj.

Dum la lasta periodo vizitis J. R. E. multaj enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj, nome: S-ro Luis de Otaola, de Bilbao; familio Puig, familio Manau kaj S-ro L. Hernández de Sabadell; Dro. Lajos Leznai de Budapest (Hungarujo) kaj S-ino Nevena Nedelĉeva de Sofio (Bulgarujo).

Por ĉiuj sincerajn dankojn.

Konstanta adreso:

S-ro S. Aragay, str. Bassegoda, 40, 3.º, 1.ª, BARCELONA-14.
Teléf.: 333.80.81.

## KOLOKVIO PRI LA LINGVA PROBLEMO EN EŬROPO EN LA EŬROPA AKADEMIO OTZENHAUSEN

20-21 Sept. 1975

Otzenhausen, Sarlando (FRG). — Unuafoje en sia historio Sarlanda Esperanto-Ligo (SEL) okazigis komunan aranĝon kun la Eŭropa Unio (EU), nome kolokvion pri la lingva situacio en Eŭropo. La EU disponigis la ege taŭgajn domojn de la Eŭropa Akademio (EA) en Otzenhausen kaj ties tutan administran aparaton; SEL prizorgis la kompetentajn prelegantojn. Ĉeestis ĉirkaŭ 50 personoj.

Sub la gvido de Ernest Wilm (EA) kaj Günther Becker (SEL) disvolviĝis altnivela kolokvio, kies granda valoro kaj sukceso kuŝas precipe en tio, ke ĝi frontis neesperantistan publikon kun la fenomeno de Esperanto mem, kaj tio unuavice dank' al la prelego de Prof. Lapenna kun samtempa kompetenta traduko al la germana fare de Günther Becker. Homoj, kiuj neniam antaŭe aŭdis Esperanton, spertis, ke temas ja pri lingvo belsona, klara, esprimriĉa, vivanta, taŭga traspreni la rolon de komuna internacia komprenilo.

Al la sukceso kontribuis same la renomaj profesoroj kun siaj informriĉaj prelegoj kiel ankaŭ la interesita kaj instruita publiko. Por la eksterlandanoj, G. Becker tradukis ankaŭ la gravan prelegon de Prof. Mangold. Sub la gvido de la tri profesoroj formiĝis tri laborgrupoj.

Sarlanda Radio disaŭdigis jam la postan tagon tre favoran intervjuon kun la estro de la EA, en kiu li substrekis la bezonon finfine "surtabligi" la lingvan problemon en la Eŭropaj institucioj, kaj kun Prof. Mangold, kiu atestis, ke la kolokvio pozitive kontribuis al la solvo de la lingva problemo en Eŭropo proponante la lernadon de Esperanto kiel duan lingvon por ĉiuj en la Eŭropa Komunaĵo. Li reliefigis kiel avantaĝojn de Esperanto, ke ĝi estas facile lernebla, bone komprenebla, taŭga por tradukado. Por doni al la aŭskultantoj de Sarlanda Radio la eblecon aŭdi Esperanton Prof. Lapenna resumis sian impreson pri la kolokvio en la Internacia Lingvo.

Sukcesa poresperanta laboro ekster la Esperanta medio, devus antaŭenpaŝi sur vojo komencita en Otzenhausen. Speciale konvinka montriĝis la kombino de tri fakuloj, kiuj, ĉiu en sia disciplino, pritraktis diversajn aspektojn de la sama problemo: Prof. Frank la instruteknologiajn kaj partipolitikajn, Prof. Lapenna la jurajn kaj lingvopolitikajn, Prof. Mangold la lingvistikajn.

Estas krome akcentende, ke kiel rezolucion oni voĉdonigis la proponon de la membroj de EU en la koncerna laborgrupo. La rezolucio tekstas jene:

REZOLUCIO

La Kolokvio pri la lingva problemo en Eŭropo okazinta de la 20a ĝis la 21a de Septembro 1975 en la Eŭropa Akademio Otzenhausen kaj organizita de Eŭropa Unio Germanujo kunlabore kun Sarlanda Esperanto-Ligo en kunagado kun Prof. D-ro Helmar Frank, Universitato Paderborn, Prof. D-ro Ivo Lapenna, Universitato Londono, kaj Prof. D-ro Max Mangold, Universitato de Sarlando, venis unuanime kun tri sindetenoj al la sekva rezulto:

Esenca malfacilaĵo en la interkomprenado de la popoloj de Eŭropo rezultiĝas el la multlingveco de tiuj popoloj, same rilate la politikistojn, la administraciojn kaj la oficistojn en la Eŭropa Komunaĵo.

Tiun malfacilaĵon oni ne plu povas venki per la ĝisnunaj rimedoj (financa problemo laŭ Prof. D-ro Lapenna).

Kiel solvoj prezentiĝas:

— En ĉiuj landoj de la Komunaĵo oni enkonduku jam en la elementa lernejo duan lingvon aldona al la gepatra lingvo kiel devigan lingvon.

— En la Komunaĵo oni oficialigu Esperanton aldone kaj laŭgrade. La elekto de unu nacia lingvo kiel oficiala lingvo ne estas ebla sen preferi unu nacion kaj diskriminacii ĉiujn aliajn.

Pro kaŭzoj de ŝancegaleco (Prof. D-ro Frank) estu elektita neŭtrala lingvo.

Por tio prezentiĝas laŭ Prof. D-ro Mangold rekte Esperanto, kies avantaĝoj estas: facila lernebleco, monda disvastiĝo, vivanta esprimkapablo, klara formulado kaj bona komprenebleco.

— Oni konsciigu la vastan publikon per ĉiuj amaskomunikiloj pri la lingva problemo kaj oni reliefigu Esperanton kiel alternativon. La politikistoj transprenu la taskon popularigi tiun problemon en la instrusistemoj. Esperanto devas trovi eniron en la lernejajn instruplanojn.

La rapida uniĝo de Eŭropo estas necesa kaj nur atingebla per la rekta elekto de la Eŭropa Parlamento en 1978 kaj la realigo de la politika unio ĝis 1980.

La apliko de Esperanto kiel oficiala lingvo povas helpi por efike solvi la lingvan problemon.

*María Becker-Meisberger*
Alter Hangarten 2, D-6653 Blieskastel

---

*FUNDACION ESPERANTO*

## CONCURSOS

De acuerdo con las reglas generales establecidas para la celebración de los Concursos organizados por la Fundación ESPERANTO, y con las bases que habían de regir para el Concurso de Oratoria en Esperanto, señaladas en la convocatoria al mismo, que con fecha 10 de marzo de 1975, se publicó en la revista "Boletín de la Federación Española de Esperanto", no habiéndose inscrito en el plazo fijado para hacerlo ningún concursante, el Patronato de la Fundación ESPERANTO, en su reunión del día 17 de julio de 1975, acordó declarar *desierto el Concurso*, haciendo público dicho acuerdo en Lérida, el día 21 de julio de 1975, fecha en que debía celebrarse el mismo, con motivo del XXXV Congreso Español de Esperanto.

---

Asimismo, ha quedado *desierto* por no haberse presentado ningún trabajo, el Concurso Literario convocado por medio de la revista "Boletín de la Federación Española de Esperanto", con fecha 10 de marzo de 1975, y del que debía hacerse público el resultado el día 15 de diciembre de 1975, Día de Zamenhof.

Zaragoza, a 15 de diciembre de 1975.

*Inés Gastón*
Secretaria del Patronato de la
Fundación ESPERANTO
y de los Concursos

---

NI KONDOLENCAS

## S-ino MARIA VILADEGUT DE PERARNAU

forpasis en Tarrasa la 12-an de oktobro 1975

Pacan ripozon al ŝi!

Kun profunda malĝojo mi informas vin ke post longa kaj suferiga malsano forpasis en Tarrasa S-ino María Viladegut, edzino de nia kara samideano kaj amiko S-ro Jaime Perarnau.

Pro ŝia sindonemo kaj afabla karaktero, ŝi ĝuis la simpation kaj amikecon de ĉiuj personoj konantaj ŝin; simpatio kaj amikeco, kiuj manifestiĝis dum la enteriga ceremonio.

Por ŝia familio kaj speciale por ŝia edzo, nian plej sinceran kondolencon.

*BURGOS*

La esperantistoj de Burgos, sub la nomo "Burgos Esperanta Klubo" organizas novan grupon de Esperanto.

Post taŭga informado pere de la lokaj ĵurnaloj kaj aliaj informiloj, la 4-an de oktobro, je la 5-a posttagmeze, kunvenis en salono disponigita de la Urba Ŝparbanko de Burgos, ĉirkaŭ 50 gejunuloj, kiuj interesiĝas pri la Internacia Lingvo kaj deziris pliajn informojn.

Malfermis la kunsidon nia samideano S-ro Adolfo Alvaro Gómez, kiu prezentis al S-ro Pedro González Cantero kiel Prezidanto de la naskiĝanta Burgos Esperanta Klubo. S-ro González Cantero salutinte la ĉeestantojn, parolis pri la avantaĝoj de Esperanto kiel internacia lingvo, kaj pri liaj spertoj dum kelkaj internaciaj kongresoj de li ĉeestitaj. Li, per sia entuziasmo, enfervorigis la ĉeestantojn por aliĝo al la nova klubo kaj tuja ek kaj ellerno kaj praktikado de la Internacia Lingvo.

Tuj poste, S-ro Otaola, de Bilbao parolis pri la simpleco kaj logikeco de Esperanto, pri ĝiaj nuraj 16 reguloj kaj ankaŭ parolis iomete en Esperanto por elmontri ke ĝi estas sufiĉe belsona, klara kaj facile elparolebla kaj komprenebla por personoj kun ioma kulturo. Li daŭrigis la paroladon rakontante kelkajn okazintaĵojn kaj anekdotojn spertitajn dum liaj vojaĝoj kaj partoprenado en kelkaj Universalaj Kongresoj de Esperanto.

Varmaj aplaŭdoj premiis la intervenon de ambaŭ parolintoj, kiuj devis respondi plurajn demandojn.

*GIJON*

## ESPERANTO KURSOJ 1975 / 1976

La 24-an de oktobro, en la Ateneo Jovellanos, de Gijón okazis la malfermo de Esperanto-kurso al kiu aliĝis 74 personoj.

S-ro Alcibiades González Meana, de La Felguera, malfermis la kurson per paroladeto pri "La rolo de Esperanto kiel solvo al la internacia lingva problemo". Varmajn aplaŭdojn li aŭskultis je la fino. Tuj sekve, li klarigis enkondukan lecionon.

La kurso, kiun gvidas S-ro Santiago Mulas, estis anoncita en la provincaj ĵurnaloj; per la lokaj Radio-stacioj kaj la regiona sendo-stacio de Radio Nacional; per la sendo-stacio de TVE, kiu dissendis 5-minutan rektan intervjuon kun S-ro Mulas, kaj per 300 afiŝoj, kiujn senpage disponigis al ni s-ano Pedro Nuez, kaj kiujn ni metigis en montrofenestroj de preskaŭ ĉiuj vendejoj de la urbo.

*ZARAGOZA*

## "FRATECO"

Post la somera feriado kaj postaj urbaj festoj, la veterana Esperanta Societo Frateco denove aktivas. La 20-an de oktobro oni komencis Elementan Kurson de Esperanto gvidatan de S-ro José Martínez. Ĝi okazas lunde, merkrede kaj vendrede, de 7,30 ĝis 8,30 vespere.

Krome, la Biblioteko ĉiutage estas je la dispono de la membroj, kiuj kunvenas por praktiki la Internacian Lingvon.

Kiel en antaŭaj jaroj, ĉiu unua sabato el la monatoj okazas prezentado de diapozitivoj kun komentoj en Esperanto.

## HISPANA TURISMA ESPERANTA SEKCIO - CIRCULO CULTURAL MEDINA

Post adekvata informado pere de la ĵurnaloj, Radio kaj belaj afiŝoj disponigitaj al ni de nia samideano Pedro Nuez, de Barcelona, komenciĝis kurso de Esperanto en Círculo Cultural Medina, organizita de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio.

Gvidas la kurson, kiu okazas lunde kaj vendrede de la 8-a ĝis la 9-a vespere, nia prestiĝa samideano Fernando de Diego. La kurso estis inaŭgurita la 3-an de novembro kun granda partopreno da gelernantoj. Ĉeestis la inaŭguron de la kurso la Prezidantino kaj la Sekretariino de H.T.E.S., kiuj disdonis inter la gelernantoj la informajn broŝurojn "Hechos fundamentales acerca de la lengua

internacional (esperanto)" y "El problema lingüístico en las relaciones internacionales".

Vendredon, la 7-an de novembro, invititaj de Radio Popular de Zaragoza partoprenis en la programo "Tertulia", Inés Gastón, prezidanto de H.T.E.S.; Fernando de Diego, profesoro de la kurso kaj Encarnación Farré, konata hispana verkistino, kiel lernantino de la Kurso de Esperanto en Círculo Cultural Medina.

---

Speciale mi deziras danki nome de la esperantistoj de Zaragoza kaj ankaŭ de la esperantistoj de Gijón la afablan kunlaboron de S-ro Pedro Nuez en la informado pri la kursoj de Esperanto 1975-1976.

---

## *TAGO DE LA LIBRO EN ESPERANTO - TAGO DE ZAMENHOF*

La Tago de Zamenhof alproksimiĝas kaj sekve la Tago de la Libro en Esperanto. Unu plian fojon mi ripetas mian alvokon pri la bezono multe legi se ni deziras bone lerni la lingvon.

Dum jarcentoj, la lingva problema priokupis aron da filozofoj, filologoj, sciencistoj kaj pedagogoj. J. L. Vives, en sia verko "De Disciplinis", 1532 diris: "Estus feliĉe, se ekzistus unu sola lingvo, kiun povus uzi ĉiuj popoloj... Pereos la latina kaj tiam venos granda konfuzo en ĉiuj sciencoj, granda fremdiĝo inter la homa gento". J. A. Comenius en 1641, pli konkrete opiniis: "...la mondo bezonas unu komunan lingvon, pli facilan ol estas la jam konataj...". Nun la problemo, dank' al Dro. Zamenhof estas solvita, nur mankas ke la koncernaj Instancoj en la diversaj landoj decidos adopti la Internacian Lingvon Esperanto kiel solvon por la ekzistanta lingva ĥaoso. Sed, por tion atingi oni bezonas ke la esperantistoj bone ellernu la lingvon. Do, jen listo da ĉefverkoj, kiuj signas tutan epokon:
Aŭtoro: Ivo Lapenna

### RETORIKO

Kun aparta konsidero al Esperantlingva parolarto

La 1-a kaj 2-a eldonoj (4.500 ekz.) jam delonge elĉerpitaj. 3-a eldono, 1971.

"Ĉi tie parolas majstro pri sia arto; la kritikisto povas nur silenti kaj aŭskulti, kaj rekomendi al aliaj liajn konsilojn" ("Sennaciulo").

Formato 20 × 15 cm. Tole bindita, 294 paĝoj. Prezo 600 pesetoj.

### ELEKTITAJ PAROLADOJ KAJ PRELEGOJ

Libro, kiu kompletigas la verkon Retoriko

"Sobreco sen sekeco... Akra kiel razilo... Lapenna en siaj paroladoj intelekte analizas esencajn aspektojn de la lingva problemo kaj de la Movado" ("Esperanto").

Formato 20 × 15 cm. Broŝurita, 152 paĝoj. Prezo 380 pesetoj.

### ESPERANTO EN PERSPEKTIVO

Faktoj kaj analizoj pri la Internacia Lingvo
(Ĉefredaktoro, en kunlaboro kun U. Lins, redaktoro, kaj T. Carlevaro)

### CED, Decembro 1974

"Ivo Lapenna donas al ni monumentan, enciklopedian verkegon, kiu entenas samtempe historian kompendion, ĉiuflankan informadon kaj perspektivojn por la estonteco...") (Prof. Waringhien, Prezidanto de la Akademio).

Mil ekzempleroj venditaj en nuraj 7 monatoj.

Lukse bindita, ilustrita, 844 paĝoj. Formato 20 × 15 cm. Prezo 2.100 pesetoj.

### HAMBURGO EN RETROSPEKTIVO

Dokumentoj kaj materialoj pri la kontraŭ neŭtraleca politika konspiro en UEA, SEL, Junio 1975.

La tuta unua eldono preskaŭ elĉerpita en nuraj kelkaj semajnoj

"Ni esprimas tutkoran dankon... unuavice al Ivo Lapenna, kies kredon je

Esperanto ne povis sufoki eĉ tiu sumo de fiaĵoj, kiujn li devis sperti laborante por ĝi. Malproksime for de kiu ajn venĝemo, li verkis ankaŭ tiun ĉi dokumenton pro tiu sama amo al Esperanto, kiu, ekde Zamenhof, motivas la plej sindediĉajn adeptojn de nia lingvo" (R. Haupenthal en la Antaŭparolo de la Eldonisto).

Formato 29,5 × 21 cm. Stencilita, broŝurita, 96 paĝoj. Prezo 240 pesetoj.

---

## ELDONA FAKO DE H. E. F.

| | | |
|---|---|---|
| Esperantaj insignoj, rondaj (pinglaj kaj butonaj) unuo ... ... | 20,— | pesetoj |
| Esperantaj insignoj (Airon-fix) rondaj, ovalaj kaj stelformaj unuo. | 15,— | " |
| Flagetoj triangulaj, kun ŝnuroj, unuo ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 15,— | " |

*LIBROJ*

| | | |
|---|---|---|
| "Eterneco" (Navarra Legendo), A. Núñez Dubús ... ... ... ... ... | 10,— | " |
| "Filozofio de fantomo", W. Fernández Flórez, trad. L. Hernández. | 30,— | " |
| "La Lando de Alvargonzález", A. Machado, trad. F. de Diego ... | 50,— | " |
| "Kun sopira koro", G. A. Bécquer —Rimas—, trad. F. de Diego. | 150,— | " |
| Dok. CED/7 "bazaj faktoj...", Dro. Lapenna (hispanlingve "Hechos fundamentales..."), trad. N. López Escartín ... ... | 15,— | " |
| Dok. CED A/II/I "La lingva problemo en la internaciaj rilatoj", Dro. Lapenna (hispanlingve "El problema lingüístico..."), trad. I. Gastón ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 25,— | " |

BOLETIN, ordinara 30 ptoj., eksterordinara 50 ptoj.

En la libroj ni donas rabaton 10 % por mendoj de minimume kvin ekzempleroj de sama titolo.

Saman rabaton ni donas por mendoj de minimume kvin ekz. de flagetoj aŭ de esperantaj insignoj (Airon-fix).

En ceteraj insignoj ni donas rabaton 10 % por minimuma mendo de dudek insignoj kaj 20 % por minimuma mendo de kvindek insignoj.

Mendoj kaj pagoj ĉe Inés Gastón, P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha. ZARAGOZA.

---

## NEFORGESEBLAJ FERIOJ EN NEDERLANDO

Inter la diversaj eksterlandaj geesperantistoj kun kiuj mi interkorespondas, troviĝas nederlandanino loĝanta en Krommenie, kies Esperanto-Grupo aranĝas ĉiujare Internacian Ferion-Semajnon. Ŝi parolis al mi en siaj leteroj pri la Semajno kaj tio kuraĝigis mian edzinon kaj min vojaĝi Nederlandon kaj partopreni en la ĉijara Ferio-Semajno.

Tiamaniere ni entrajniĝis kaj post longa vojaĝo ni atingis Parizon la Urbo de la Lumo, kies ĉefajn kaj historiajn monumentojn ni vizitis dum nia kvartaga restado.

De Parizo ni iris Bruselon, la ĉefurbo de la Komuna Merkato, kies belajn kaj mirindajn monumentojn kiel la Ĉefpreĝejo kaj la Granda Placo, ege mirinda, ni plendetale vidis.

Post unutaga restado en Bruselo, ni trajne daŭrigis nian vojaĝon ĝis nia dezirata kaj sopirata celo: Nederlando. En la grandega stacidomo el Amsterdamo atendis nin ĉe la perono simpatia kaj afabla nederlanda samideano, kiu post la kutimaj salutvortoj, kondukis nin al la trajno kiu portos nin ĝis la urbeto kie ni loĝus dum nia restado en Nederlando. Nia akompananto pagis por ni la trajnobiletojn ekde Amsterdamo ĝis Wormerveer, malgraŭ tio ke ni havis nederlandan monon kaj ni volis pagi ilin.

Alveninte al la menciita urbeto kaj ĉiam akompanataj de nederlanda samideano, ni iris piede ĝis la hejmo de gesroj. Langenberg, bone esperantlingvaj parolantoj, kiuj bonege zorgis nin kaj agrabligis nian septagan restadon ĉe ili.

Ĉiuj eksterlandaj gesamideanoj partoprenantaj en la Ferio-Semajno loĝis ĉe nederlanda esperantista familio tute senpage, kio estas vere grava pro la familia etoso kaj pro tio ke la prezo kiun vi devas pagi por partopreni ĝin estas malalta, ĉar vi nur pagas la oficialajn aranĝojn.

En Zaandam, kie estas la komunumdomo de la Zaan-Regiono, al kiuj apartenas la vilaĝoj kie ni ĉiuj loĝis, ni estis kore akceptitaj de Skabeno, kiu salutis nin, nederlandlingve, sed lian interesan paroladon ni nur komprenis dank' al la traduko de Sro. Fischer, Prezidanto de la Esperanto-Grupo "Unueco" el Krommenie, organizanto de la Semajno. Post ol ni trinkis iom, laŭ ĝentila invito de la komunuma estraro, ni detale vizitis la diversajn salonojn de ĉi tiu moderna konstruaĵo inaŭgurita unu jaron post ĝia komenciĝo.

Nur ĝi estis la "serioza" parto de la programo, ĉar la restantaj eroj konsistis el ekskursoj al diversaj lokoj kaj urboj de ĉi tiu tutebena lando nomata Nederlando, tio estas malalta lando, tute prave ĉar la duono de ĝia surfaco estas sub marnivelo.

Pere de aŭtobuso, la internacia samideanaro konsistanta el membroj el sep diversaj nacioj: Anglujo, Francujo, Japanio, Aŭstrio, Hispanujo kaj komprenele Nederlando, vizitis interesajn kaj kuriozajn lokojn kaj urbojn kiel "De Zaanse Schans" en la Zaanregiono, kie ni vidis muelejon por farbo; Volendam kaj Marken, tipaj vilaĝoj tre vizitataj de turistoj kaj kies enloĝantoj, ĉefe virinoj, ordinare uzas tipan vestaĵon; la fermdigo de la Suda Maro, kiu permesos vivospacon al milionoj da homoj; Schermeer, poldero situanta 5 metrojn sub marnivelo kaj sekigita en 1632 dank' al la konstanta uzado de 52 vento-muelejoj. Ĉi tiun laboron de la senakvigo oni daŭrigas, sed nuntempe uzante ne la muelejojn, sed modernajn kaj grandajn pumpinstalaĵojn.

Ege interesa estas la vizito al floraŭkciejo el Alsmeer kie la plej diversaj specoj da floroj estas aŭkciataj. Kia plezuro vidi tiom da buntaj floroj bele ordigitaj.

Ankaŭ interesa estis la vizito al la urboj: Hoorn, Hago kaj Amsterdam. En Hago ni vizitis, gvidataj de Haga esperantistino kiu bone klarigis al ni ĉion, la Kavaliran Salonegon, protestanta ĉefpreĝejo dediĉata al Sta. Jakobo la Palacon de la Reĝino, nomatan "Huis ten Bosch".

Fine en Amsterdam, ĉefurbo el Nederlando, ni boatpromenis tra la kanaloj kaj ni vizitis Rijsmuseum kie ni admiris pentraĵojn de famaj nederlandaj pentristoj kiel Rembrandt kaj Franz Hals.

Ĉio estis interesa, sed laŭ mia opinio plej grava estas kiel homoj el diversaj nacioj kaj kun malsamaj opinioj vivis harmonie dank' al la uzado de la genia kreaĵo de Dro. Zamenhof.

Kiam en la adiaŭa vespero ni por la nuna jaro, lastfoje, interparoladis kun la restantaj gesamideanoj venis al mi penso pri tiuj skeptikuloj, kiuj ne kredas pri la taŭgeco de Esperanto.

En Nederlando kaj dank' al la malavareco kaj sindonemo de nederlandaj gesamideanoj ĉiam regis la zamenhofa spirito de paco kaj konkordo.

Do, se Kongreso estas necesa por daŭrigi la laboron favore al la disvastiĝo de Esperanto, Ferio-Semajno estas bonega metodo por la alproksimiĝo de ne granda nombro da esperantistoj el diversaj landoj kaj certe imitinda de aliaj esperantistaj grupoj.

*L. Hernández*
Valladolid

---

## NOVA KONKURSO DE LA POLA RADIO

La Pola Radio anoncas novan konkurson. La eksterlandaj aŭskultantoj de la Esperanto-elsendoj estas petataj respondi al jenaj demandoj: 1) Kion vi opinias pri la rolo de la sindikatoj en la solvado de la aktualaj problemoj de la laborula mondo? 2) Kion vi scias pri la kreiĝo kaj agado de la monda Federacio de la Sindikatoj? 3) Kiujn virinojn vi konas, kiuj —laŭ via opinio— ludis grandan rolon en la internacia vivo aŭ havas meritojn por via lando?

Bonvolu sendi la respondojn laŭ la adreso: Polskie Radio, 00-950 Warszawa, Poŝtkesto 46, Polska, en kovertoj signitaj per la devizo "Konkurso", ĝis la 31 - 12 - 1975.

La malferma parolado de D-ro Tonkin, prezidento de UEA, okaze de la 60a Universala Kongreso de Esperanto, aperas kompleta en KONGRESA GAZETARA SERVO (Kopenhago 1975) kaj montriĝas kiel bela modelo de tio, kion la usonanoj nomas *wishful thinking*, t. e. spekulativado per rozkolora fantazio.

Dungi senpagan —kaj efikan kaj seriozan!— laborforton por oficaj servoj, kaj serĉi monon inter ne esperantistoj, ke ili savu la financon de la Asocio, estas du ideoj prezentitaj de d-ro Tonkin en ties parolado, tiel distaj de la sobra realo de la vivo, ke ili apenaŭ taŭgas kiel pajlo por ŝtopi la retorikon de festa oratoro. D-ro Tonkin aspiras konstrui kastelon per neekzistantaj brikoj, kaj tia pretendo, propra al demagogoj kaj al nekompetentaj gvidantoj, aŭguras, ankaŭ ĉi-rilate, nenion bonan por la Asocio.

Multon menciindan havas la oratora peco de d-ro Tonkin. Bedaŭrinde mi ne disponas sufiĉan spacon por ĝin amplekse glosi, sed liaj jenaj vortoj meritas specialan atenton:

*«Pri unu punkto en la statuto la unuanimeco estas kompleta. Tio koncernas la neceson konservi la politikan neŭtralecon de la Asocio. De tempo al tempo la unuopaj landaj asocioj forgesas pri tiu principo, kiu etendiĝas same al la aliĝintaj asocioj kiel al UEA mem. Sed ĉiuokaze la centraj organoj de UEA, same nun kiel ĉiam, restas firme fidelaj al la neŭtraleco.»*

Nu, tre bele. Sed, kiuj asocioj pekis kontraŭ la neutraleco? Kiamaniere? Kiom ofte? Kiuj el ili atakis la neŭtralecon de la Asocio mem, se vere tiu neŭtraleco ekzistas? Kial la estraro ne protestis publike kontraŭ tiaj atakoj? Pri ĉio ĉi d-ro Tonkin diskrete silentas.

Li daŭrigas:

*«Ne pensu, tamen, ke ni ne kuraĝos esprimi nin pri la homaj rajtoj, kie decas kaj morale necesas tion fari.»*

Sed fakte, UEA, ĉefe per sia junulara sekcio TEJO, vidas nur la decon kaj neceson ataki la politikon de landoj situantaj ĉe unu flanko de difinita meridiano kaj ignori la politikon de landoj situantaj ĉe la alia flanko. Por praktike pruvi al la membroj de UEA, kian neŭtralecon favoras la Asocio, d-ro Tonkin devus peti, ke aperu en ESPERANTO, por ekzemplo, la prelego «*Madrid kaj la norda periferio de Hispanio: historiaj, politikaj, ekonomiaj kaj socilingvistikaj aspektoj de la minoritata problemo*», dirita de la komitatano s-ro U. Moritz en la 31a Junulara Kongreso en Fredericia, aŭ kelkaj el la prelegoj de la TEJO-seminario en Coimbra (Portugalio), 5-11 oktobro 1975, arangîta por paroli pri lingvo kaj kulturo de "koloniistoj kaj imperiistoj". Ni ĉiuj scias, pri kiuj koloniistoj kaj imperiistoj temas, ĉu ne vere, doktoro?

Kaj TEJO estas, ne ia unuopa landa asocio, sed UEA mem: la oficiala, junulara fronto de UEA!

——oOo——

Post ol mi legis la artikolon "Malplimulto, malvenkinte, malkontentas" verkita de "Karl Pov" en LA BRITA ESPERANTISTO (septembro 1975) mi tuj iris rigardi min kun freŝa scivolo en la spegulo, por esplori, kia speco de stranga ulo mi estas.

Nu, unuflanke, s-ro Pov dotas min per "ekstersensa perceptivo", kaj aliflanke, el lia komento «*De Diego bedaŭrinde neglektas klarigi al ni, kiel oni povas samtempe publikigi kaj sekretigi programon. Tiun sekreton multaj politikistoj avidus*», la leganto devas nepre tiri la konkludon, ke mi estas denaska kreteno, se mi kapablas skribi tian stultaĵon.

De mia flanko, mi admiras la sagacon de s-ro Pov, kiam li skribas:

*«Post cito de kelkaj publikigitaj vortoj de la ĉeña kaj hungara landaj asocioj —vortoj, kiuj unue ne estas tute klaraj ekster sia ĉirkaŭteksto, sed kiuj povus malkaŝi minacon al la neŭtraleco de UEA nur al iu kun ekstersensa perceptivo, kaj kiujn due, neniel respondecas la nuna estraro de UEA— De Diego asertas, ke pri la malneŭtraliĝo de UEA 'ekzistas eĉ pli grava kaj signifa simptomo'.»*

Vere, mi miras, ke s-ro Pov ne kaptis la belan okazon reprodukti la vortojn *kun ties ĉirkaŭteksto* por klare pruvi, ke mi ilin manipulis kun perversa intenco, kaj por riveli min kiel mensogan fraz-tordulon. Sed okazas, ke *ne* ekzistas tiuj savaj ĉirkaŭtekstoj, kiel sendube s-ro Pov tre bone scias, kaj ke la tekstoj estas absolute klaraj per si mem. Fakte kaj vere, la du deklaroj egalas al rektaj atakoj kontraŭ la principo de neŭtraleco de la propra Asocio, do ili estas eĉ pli ol minacoj, kaj por vidi tion oni bezonas, ne "ekstersensan perceptivon", sed simple nur: scii legi.

Sed la grava punkto estas, ke la estraro de UEA absolute ne reagis al tiuj atakoj, kaj, sekve, pri la deklaroj de ambaŭ asocioj UEA respondecas per sia kvazaŭ komplica silento.

S-ro Pov daŭrigas:

«*Kio povus esti ĉi plej terura el ĉiuj ĝisnunaj intrigoj? Nu, jen: ke en HEROLDO aperis jena ero de la nova programo de UEA: 'difini novan filozofion kaj lingvo-politikon de UEA'. Mi redonas la citaĵon plene kaj senŝanĝe, sed ho ve! nenian minacon sukcesas trovi en ĝi, kiom ajn mi serĉas. Sed ne nur tiujn timigajn vortojn ni devas toleri, sed eĉ ke, publikiginte ĝin en HEROLDO 'oni tenas en la plej mistera sekreto la programon' De Diego bedaŭrinde neglektas klarigi al ni, kiel oni povas samtempe publikigi kaj sekretigi programon. Tiun sekreton multaj politikistoj avidus...*»

Nu, s-ro Pov, por scii kiel oni povas samtempe publikigi kaj sekretigi programon, vi devas turni vin, ne al mi, sed al viaj amikoj en HEROLDO DE ESPERANTO kaj en la estraro de UEA.

En HEROLDO de la 1ª oktobro 1974 aperis la "programo de la nova estraro de UEA", kaj mi demandis en BOLETIN de novembro-decembro 1974:

«*Ĉu ESPERANTO, oficiala organo de UEA bonvolos konfirmi la ekziston de tiu programo? Ĉu HEROLDO scias pri la programo antaŭ ol UEA mem? En la nunaj cirkonstancoj, ĉio eblas.*»

Ĉu vi scias, s-ro Pov, kian respondon havis tiuj demandoj? Absolute nenian. Al la sesa punkto: «*Difini novan filozofion kaj lingvo-politikon de UEA*» mi aldonis la jenan komenton:

«*Tio signifas, ke la malnovaj ne plu plaĉas al la estraro. Se ni almenaŭ scius, en kio konsistas, laŭ la kriterio de la dirita estraro, la malnovaj filozofio kaj lingvo-politiko de la Asocio, ni povus diveni, kiaj estos la novaj...*»

Ĉion ĉi mi skribis antaŭ pli ol unu jaro, sed la estraro, kiel kutime, preferis silentegi: neniam oni klarigis la signifon de la sesa punkto per la anoncita, sed ne eksplikita, difino; neniam oni plu menciis eĉ la nuran ekziston de tia programo. Jen kiel viaj amikoj, ne mi, samtempe publikigis kaj sekretigis programon. Al ili do la krediton!

Kaj se, kiel vi konjektas, tiu mistera sesa punkto havas nenian gravon, oni diru, almenaŭ, kion oni intencis per ĝi, kaj kial oni ne plu parolis pri ĝi.

——oOo——

En sia preskaŭ kortuŝa penado prezenti al la legantoj de ESPERANTO kaj al la membroj de UEA la Asocion kun fasado brila kaj senriproĉe bela, la estraro falas en groteskajn asertojn, troveblajn eĉ en la RAPORTO DE LA ESTRARO PRI LA AGADO DE UEA DUM LA JAROJ 1974/1975. Ni menciu, por ekzemplo, el la paĝo 10:

«*La modernigo de la interna aspekto* [de ESPERANTO] *komencita en 1974, estis kompletigita ekde januaro 1975 per forlaso de la dekstra egaligo de la kompostlinioj kaj per aldono de vertikalaj harlinioj inter la kolumnoj.*»

Se tian operacion oni nomas nun "modernigo", per kelke da novaj "modernigaj" paŝoj ĉi-specaj ESPERANTO "leviĝos" al la nivelo de lerneja bulteneto.

*Fernando de Diego*

## *Ni legis por vi...*

EL LA VIVO DE BERVALA SENTAŬGULO, originalaj rakontoj de Louis Beaucaire. Eldonis J. Régulo (Stafeto), La Laguna, Tenerifo, 1974. 136 paĝoj, 11,8 × 18 cm., broŝurita. Prezo: 190 ptoj.

La aŭtoro de la furora *Kruko kaj Baniko el Bervalo* denove paradas sian specialan tipon de talento per ĉi tiu libro, kie apogeas lia groteske cinika humoro, ĉiam amuza kaj interesa.

Legante ĉi tiun verkon, oni memoras foje pri Gabriel Chevallier kaj ties fama "Clochemerle", foje pri nia Schwartz, foje pri Rabelais, kaj tia mikso, diable dozita de Beaucaire, turniĝas en fortan koktelon, kiun la tre junaj homoj ne trinku.

Lingve la libro eminentas, se escepti unu du francismojn ne kompreneblajn de internacia publiko.

*F. de Diego*

SENNACIECA REVUO, n.° 103, jaro 1975. Eldono de S. A. T., 67 avenue Gambetta, Paris. 56 paĝoj, formato 17 × 21,8 cm. Prezo: 9,00 FF, 4,70 guldenoj, 2 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro.

La dense presita SENNACIECA REVUO ĉi-jara enhavas, kiel kutime en ĉi tiuj kajeroj, varion de temoj kaj aŭtoroj por ĉies gustoj. Cor Bruin, sub la titolo "Sennacieca Kulturo" parolas pri plej diversaj aferoj kaj elmetas faskon da teorioj kaj opinioj preskaŭ ĉiufoje diskutindaj, sed ĉiam interesaj. S. Aarse prezentas al ni la vivon kaj verkon de la nederlanda aŭtoro Multatuli. Marjorie Boulton verkas pri Richard Adams. Roland Levreaud vidas la apokalipson en la uzo de atomcentraloj (oni volonte legus ankaŭ la replikon de "atomema sciencisto") kaj J. Kuipers artikolas rilate al Hago, la kongresurbo de SAT por 1975.

Resume, leginda kaj rekomendinda eldonaĵo en bona lingvo.

*F. de Diego*

NI DEVAS VIVI, originalaj poemoj de Kjell Walraamoen kaj Lina Gabrielli. Eldonis J. Régulo (Stafeto), La Laguna, Tenerifo, 1947. 154 paĝoj, 13,3 × 19 cm., broŝurita. Prezo: 190 ptoj.

Kiam oni legas poezion sen ritmo kaj rimo, oni esperas, ke, kiel kompenson, la poemoj posedu almenaŭ certan forton, subtilon, originalecon en la ideoj aŭ en la tropoj.

La poemoj de *Ni devas vivi* estas speco de miniaturoj, klopodoj kapti kaj fiksi fuĝajn momentojn de la vivo. Bedaŭrinde, pliparte ili legiĝas kiel repertuaro da banalaĵoj. Lina Gabrielli montras talenton en la rakontarto, sed ŝiaj poeziaj provoj ne permesas aŭguri al ŝi, almenaŭ ĝis nun, brilan karieron lirikan. Walraamoen ŝajnas posedi iom pli da profundo kaj uzi lingvon iom pli nuancitan kaj maturan.

*F. de Diego*

50 ARGENTINAJ FOLKLORAJ KANZONOJ. Kantoj kaj muzikaĵoj kompilitaj de Horacio Ré. Reviziis Ergoto de Bonaero. Ilustraĵoj de la aŭtoro. Eldonis Argentina Esperanto-Muzik-eldonejo. 96 paĝoj, broŝurita, formato 17,3 × 11 cm. Kultura eldonaĵo sen komerca valoro.

Por amantoj kaj praktikantoj de muziko sendube ĉi tiu verko estas bonvena, ĉar ĝi prezentas belan bukedon de tipaj melodioj argentinaj. La sperta mano de s-ro Ré ilustras la kanzonojn per artaj, plaĉaj desegnoj, sed la Esperantaj tradukoj de la versaj tekstoj, pli malpli korektaj de lingva vidpunkto, vidiĝas iom tro plataj kaj lignecaj, malgraŭ la evidenta polurlaboro de Ergoto.

La libro, tamen, rekomendindas, precipe por la esperantistoj, kiuj ne konas, aŭ konas nur supraĵe, la riĉan trezoron de la muzika folkloro argentina.

*Fernando de Diego*

MANIFESTO DE LA PACO, de R. Zimmer kaj K. O. Schmidt. El la germana originalo tradukis Adolf Mosch. 60 paĝoj, formato 19 × 22 cm., broŝurita. Stuttgart, 1975.

Alia pledo por la paco kaj la homa interfratiĝo kaj alia alvoko al la homaro, ke ĝi kondutu etike kaj altruisme, se ĝi ne volas vidi la ruiniĝon de nia mondo kaj sperti sian propran pereon.

La aspiroj de ĉi tiu libro estas belaj kaj noblaj, sed kiel ĉiuj moral-instruaj verkoj, ankaŭ ĝi ŝajnas preteratenti la teruran, nesubigeblan forton de la demon-inspirita parto de nia duobla personeco.

Jen la kerno de la afero en koncizaj vortoj: "...necesegas ŝanĝi la homojn

kaj ilian pensadon por ŝanĝi la vizaĝon de la mondo", diras la aŭtoro sur paĝo 26.

Sed, kiel efektivigi la ŝanĝon? Ĝis nun ĉiuj religioj kaj sistemoj politikaj kaj socialaj fiaskis, eble tial, ke la homo ne povas salti trans sian propran ombron.

Kiu havas la optimisman ideon, ke la homaro evoluas ĉiam al pli perfektaj stadioj, legu ĉi tiun libron, kaj li refortigos sian respektindan fidon. Kiu opinias, ke la homaro blinde kaj sencele rondiradas inter la limoj de siaj bonaj kaj malbonaj instinktoj, kaj ke nur ĝiaj fantazioj kaj revoj kapablas leviĝi ĝis la ĉielo, legos ĉi tiun verkon kiel novan, ne novecan, retorikan ekzercon.

Mi ne rekomendus la tradukon de s-ro Mosch kiel modelon de bona Esperanto.

*Fernando de Diego*

NEDERLANDO KONCIZE. Eldono de la Nederlanda Ministerio de Eksterlandaj Aferoj. 48 paĝoj, formato 16,5 × 22 cm. Riĉe ilustrita per koloraj bildoj kaj mapoj.

Ĉi tiu bela broŝuro informas per konciza sed kompleta trarigardo super ĉiuj aspektoj de Nederlando. La historio, la ekstera politiko, la registaro kaj ĝia strukturo, la loĝantaro, la religio, la ekonomiko, la turismo, la agrikulturo, la transporto kaj trafiko, la laboraj interrilatoj, la socialaj aranĝoj, la instruado, estas la ĉefaj ĉapitroj de ĉi tiu kajero vere elstara en la sfero de la naci-informaj broŝuroj.

Gratulon al la Internacia Esperanto-Instituto kaj al la Nederlanda Ministerio de Eksterlandaj Aferoj pro ilia laŭdinda iniciativo.

NEDERLANDO KONCIZE estas havebla senpage ĉe Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, Hago, sed la interesatoj estas petataj sendi 2 respondkuponojn por afranko.

*Fernando de Diego*

LA KORESPONDADO DE JEZUO, de Jakobo Lorber. Elgermanigis Josef Eder. Publikigis Lorber-Eldonejo, Bietigheim, 1973, Aŭstrio. 42 paĝoj, 10,5 × 14,2 cm., broŝurita. Prezo:

Sep imagaj leteroj interŝanĝitaj inter Jesuo Kristo kaj iu Abgaro Ukamo, princo de Edeso, donas pretekston por denova ekspono de la fundamenta etiko kristana plus la dogmo de la transmonda punado al la perversaj kaj de la eterna feliĉo paradiza al la bonaj.

La libreto estos sendube bonvena kaj eĉ interesa inter la kredantoj, sed mi timas, ke, kiel katekiza materialo, ĝi ne havas grandan valoron pro siaj evidentaj naivaĵoj kaj sia iomo da "revelacio".

La aŭtoro uzas la formon Jezuo anstataŭ Jesuo.

*Fernando de Diego*

MERLO SUR MENHIRO. Originala poemaro. Antaŭparolo de Marjorie Boulton. Eldonis Glasgova Esperanto-Societo, Glasglow, Skotlando. 16 × 20 cm. 58 paĝoj. Prezo: £ 0,70 aŭ egalvaloro.

---

## VIII^a FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

La VIII^a Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazos en Tarbes (Francujo), je la fino de majo 1976.

En venonta numero de BOLETIN, ni informos pri la ĝusta dato kaj la diversaj aranĝoj.

La Hispana Turisma Esperanta Sekcio organizas komunan vojaĝon al Tarbes por partopreni la Renkontiĝon.

---

## 28^a KONGRESO DE INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Okazonta en Skellefteä (Svedujo) de la 12^a ĝis la 18^a de Junio 1976

Kongreskotizo ĝis la 28^a de februaro 1976:

Kongresano 80 Sv. Kr.; Familianoj, emeritaj samideanoj kaj gejunuloj ĝis 20 jaroj aĝaj, 40 Sv. Kr. Simbola aliĝo: Minimume, 25 Sv. Kr.

Petu informojn kaj aliĝilojn ĉe la Estraro de HEFA, str. Ronda San Antonio, 46-50, 2.º 4.ª, BARCELONA-11.

## 61ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Ateno (Grekujo) de la 31-7 ĝis la 7-8-1976

Sub la Alta Protektado de S-ro Georgios Ralis, Unua Ministro de la Ĉefministro de Grekujo.

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002, Nederlando, kaj ĉe la hispana peranto, S-ro Luis M.ª Hernández Izal, Poŝtkesto 83, Villafranca del Panadés (Barcelona).

---

# PEDAGOGIA SEMINARIO

Okazonta en Naturamika domo Heidenbrunnertal, Neustadt/Weinstrasse
1975-12-27 - 1976-01-03

Konforme al la Deklaro de Principoj de la Unua Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado Sarlanda Esperanto-Ligo (SEL) aranĝos pedagogian seminarion sub titolo:

"Metodiko kaj didaktiko de la Esperanto-Instruado. Teorio kaj praktiko."

*Programo:* Okazos prelegoj kaj grupa laboro pri jenaj temoj:
*Karl BURGER:* Elementoj de lernolibra didaktiko. Analizo de kelkaj nuntempe uzataj lernolibroj de Esperanto. *Reinhard HAUPENTHAL:* Esperanta literaturdidaktiko. La problemo de lernceloj, lernenhavoj kaj lernkontrolo. *Ivo LAPENNA:* La Esperanta parolarto. Enkondukon en la retorikon. Kun praktikaj ekzercoj. *Helmut SONNABEND:* 1) La signifo de lernceloj en la nuna Esperanto-lerneja eksperimento de ILEI en regiono II. Kondiĉoj de formulado. — 2) Esperanto kiel didaktika bazo por la instruado de la angla lingvo. *Jean THIERRY:* Kiel lingvolerne profiti de la legado? Krome okazos lingvaj ekzercoj por progresintoj, diskutado pri Esperanto-pedagogiaj temoj, arbaraj migradoj, ekskursoj kaj silvestra festo.

*Loĝado:* La loĝigo de la partoprenantoj okazos en mezkomfortaj du— ĝis kvarlitaj ĉambroj de la naturamika domo aŭ en proksimaj hoteloj. Ĉiuj manĝoj kaj prelegoj okazos en la naturamika domo. La domo situas en idilia arbara valo ĉe la rando de Neustadt en la naturparko de la Palatinata Arbaro.

*Partopreno:* La programo sin turnas unuavice al instruistoj kaj pedagogiaj studentoj. Maksimuma partopren-nombro: 40.

*Kotizo:* La aliĝkotizo estas 20,— DM.

*Prezoj:* La loĝantoj en la naturamika domo pagas tagan tarifon de 17,— DM kiu inkluzivas tranoktadon kaj ĉiujn manĝojn.

*Aliĝo:* Aliĝilon oni sendu ĝis plej malfrue la 1975-12-15 al: Sarlanda Esperanto-Ligo, Franz-Schubert-Str. 26, D-6602 Dudweiler, FRG. La kotizon de 20,— DM oni sendu samtempe al la poŝtĉekkonto Saarbrüken 5358-663 de SEL.
Aliĝintoj ricevos detalan seminarian programon.

En Hispanujo informas kaj liveras aliĝilojn, Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA.

---

# HORIZONTO

Kultura kaj Informa Revuo de la neŭtrala Esperanto-movado

Ĉefredaktorino: Inés Gastón

HORIZONTO aperos ĉiun duan monaton kun 24 paĝoj en formato 17,5 × 25 cm. linotipie kompostita kaj sur glacea papero. Prezo 500 pesetoj jare.

Redakcio kaj administracio, ĉe I. Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA - Hispanujo.

